# esperanto

junio 1994
87-a jaro
n-ro 1060 (6)



Universala Esperanto-Asocio (en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

ISSN 0014-0635

Eŭropo, kie vi estas?

# Enhavo



## Vi trovos

ke, post aprilo kaj majo, kiam hungaroj duone plenigis la revuon, ĉi-foje fekundis germanoj: Stocker, Bormann, Schicke, Simon, Moritz ... (El landoj ĝermanlingvaj aldoniĝas Bakker, Erasmus, Støp-Bowitz kaj Hauger.) Iliaj temoj: politiko (p. 102-105), scienco (106-109), financoj (101-102). Tute ne seke! Sed por ideoj vere malortodoksaj serĉu la "rusajn paĝojn" (112-114) de Gonĉarov, Gudskov kaj Korĵenkov: pri alternativa strukturo de la Universalaj Kongresoj, pri sekteco de nia movado kaj pri krizo de nia gazetaro, respektive. Fine, se vi serĉas E-libron por somera plaĝo (aŭ vintra ĉe-kameno), "Laste aperis" ofertas eksterordinare riĉan rikolton sur p. 115, de *La fremdulo* de Camus ĝis la sciencfikcia *Sferoj 9*!

*La kovrilo:* "Eŭropo, kie vi estas?" Interalie ĉi tie, en la Strasburga kunsidhalo de la Eŭropa Parlamento, kiu atendas malplena novajn deputitojn post la juniaj eŭropaj elektoj. Ĉu troviĝos inter ili homoj kiel la germana verdula kandidato Jakob von Uexküll, kiu konsentas kun niaj lingvopolitikaj ideoj? Aŭ eĉ iu "kiu fakte kaj ne nur vorte estas esperantisto" (p. 102-103)?


**esperanto**

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio

(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Ekstera-kovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.

**Telefakso:** (010) 436 17 51.

**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

*Financo:*

# UEA: Rigardo en nian monujon

**Jam de kelkaj jaroj zumas tra la Esperanto-gazetaro la komentoj de Gian Carlo Fighiera pri la financoj de UEA. Zumado kiel de abelo: besteto diligenta, kiu pikas, sed ankaŭ fekundigas la florojn kiujn ĝi vizitas. Kritiko ĉiam estas bonvena, precipe se ĝi deiras de ĝustaj bazaj faktoj. Eble venis tial la momento por publike klarigi "bazajn faktojn pri la financoj de UEA".**

### La financaj homoj

En la Centra Oficejo laboras librotenistino kaj financa administranto. Ilian laboron gvidas la direktoro de la CO kaj la ĝenerala direktoro de UEA.

La Komitato de UEA estas la plej alta respondeculo. Laŭ la Statuto, ĝi "decidas pri la buĝeto kaj ekzamenas la financojn de la asocio". La Estraro "respondecas pri la financoj de UEA". Aparte unu estrarano havas specife tiun taskon.

La Komitato kaj Estraro disponas pri tuta aro da fakaj konsilantoj. Du komitatanoj, t.n. komitataj reviziantoj, esploras la financojn, kaj raportas al la Komitato kaj Estraro. Alia kontrolisto kontrolas la ĝustecon de la ciferoj de la spezokonto kaj bilanco, kaj prezentas "revizoran raporton". Fine, la Ĝenerala Regularo de UEA naskis Komisionon pri Financoj, kiu konsilas la Komitaton, Estraron kaj ĝeneralan direktoron.

Se tiom da saĝuloj ĉirkaŭas la kason de UEA, kio povus misokazi?

### La financaj dokumentoj

La CO produktas spezokonton kaj bilancon. En la spezokonto estas montrataj iuj, sed ne ĉiuj elspezoj: salajroj, kostoj de la domo kaj de la laborantoj en ĝi, revuoj kaj jarlibro, vojaĝkostoj kaj amortizoj. Kaj iuj, sed ne ĉiuj enspezoj: kotizoj, librovendoj, rento, 35% de la UK-kotizoj por kovri la kongreslaborojn en la CO, donacoj por la ĝenerala kaso.

Ne aperas en la spezokonto: profito de la UK, grandaj donacoj, heredaĵoj, valorkresko aŭ malkresko de akcioj. Ankaŭ en- kaj elspezoj de la diversaj fondaĵoj de UEA restas ekster la spezokonto.

Rigardante la spezokonton vi do vidas nur parton de la asociaj profitoj kaj malprofitoj. Tial la negativa saldo, kiu ĉiam aperas fine de la spezokonto, ne signifas ke la asocio vere perdis monon en tiu jaro. Kompreneble, neniu ĝojas pri granda negativa saldo de la spezokonto. En la lastaj jaroj la homoj en la CO klopodis multmaniere redukti la negativan saldon. En 1993 ili rezignis pri salajro-altigo de 3% kiun ili rajtis ricevi por kompensi la inflacion en Nederlando. La direktoro elektis alian ekspedanton por la revuoj kaj Jarlibro, kiu kostas multe malpli (sed laboras malpli rapide) ol la nederlanda poŝto. La Jarlibro estas densigita. Pluraj estraranoj rezignis pri repago de siaj vojaĝkostoj. Oni ŝparas ĉiel, kaj la rezulto estas: malkreskanta deficito de la spezokonto.

> *"La demando ĉu UEA fartas finance bone ne estas precize respondebla. Ĝi fartas pli bone ol antaŭe, sed ĝi devus farti ankoraŭ pli bone."*

La bilanco, malsame al la spezokonto, donas kompletan jarfinan bildon de la asociaj financoj. Tial ĝi estas pli interesa kiel mezurilo de la financa farto de UEA. Precipe la "kapitalo" montras la riĉon de la asocio. Pli ĝuste: la kapitalo + parto de la rezervoj + parto de la Kapitalo Dumvivaj Membroj + fondaĵoj. La vortoj "parto de" kaŭzas problemojn, ĉar la financaj fakuloj ne ĉiam interkonsentas kiom granda estas tiu parto. Ankaŭ povas ekzisti malsamaj juĝoj pri eroj en la maldekstra flanko de la bilanco (la posedaĵoj de la asocio), nome: la valoro de la domo, de la maŝinoj kaj de la Libroservaj stokoj. Juĝoj pri ili influas la grandecon de la kapitalo, kiu troviĝas dekstre-supre en la bilanco.

Tamen, se paroli ĝenerale, oni povas certe konstati pliboniĝon de la kapitala flanko de la bilanco dum la pasintaj jaroj, ĉefe pro grandaj heredaĵoj kaj donacoj, sed ankaŭ pro la malkreskantaj negativaj saldoj en la spezokontoj.

La bilanco ne montras per unu-du nekontesteblaj ciferoj la farton de la asocio. Estas tro da subjektivaj juĝoj sin kaŝantaj en iuj ciferoj. La demando ĉu UEA fartas finance bone ne estas precize respondebla. Se vi tamen devigus min respondi la demandon, mi dirus: ĝi fartas pli bone ol antaŭe, sed devus farti ankoraŭ pli bone.

### Kiel, do, farti pli bone?

La *enspezoj* varias laŭ la nombro de movadanoj. Kotizoj kaj abonoj kreskas se estas pli da membroj. Kongreskotizoj kreskas se aliĝas multaj. Librovendoj kreskas se pli da legantoj mendas librojn. La *elspezoj*, aliflanke, ne tiel akurate kaj plene sekvas la nombron de esperantistoj. Elspezoj parte estas konstantaj. Tio validas precipe por la domkostoj, amortizoj, vojaĝkostoj. La salajroj (do nombro de oficistoj) kaj la kostoj de la revuoj kaj Jarlibro varias iom, sed ne proporcie, kun la membronombro.

La respondo al la supra demando estas: kreskigi la movadon. Bedaŭrinde la sukceso en tio nur parte dependas de ni mem. Multe pli influas tiun sukceson la nin ĉirkaŭanta mondo, la evoluo politika kaj ekonomia en la diversaj mondopartoj.

**La Estrara Raporto**

**pri la jaro 1993 aperas kiel aparta presaĵo. Mendu ĝin senpage ĉe la Centra Oficejo!**

La membronombroj de UEA (AM kaj IM kune) evoluis tiel:

| jaro | membroj | jaro | membroj |
|---|---|---|---|
| 1979 | 30810 | 1987 | 43642 |
| 1980 | 34183 | 1988 | 43148 |
| 1981 | 36555 | 1989 | 39829 |
| 1982 | 36624 | 1990 | 32869 |
| 1983 | 37501 | 1991 | 27217 |
| 1984 | 39005 | 1992 | 26591 |
| 1985 | 39556 | 1993 | 23313 |
| 1986 | 40589 | | |

La tento estas granda paroli pri kaŭzoj de tiu evoluo, sed tion ne permesas unupaĝa artikolo. La ciferoj ĉiukaze atentigas pri la estonteco. Se la organizita movado plu kaj pli ŝrumpos, tio havos financajn sekvojn. La Komitato kaj Estraro havas la taskon fari efikajn kaj ĝustatempajn decidojn por kreskigi la enspezojn aŭ, se tio ne estas ebla, adapti la elspezojn.

### Dume

La Komitato kaj Estraro havas la taskon fari la ĝustajn decidojn. Sed dume tiuj el ni kiuj havas la monon por tio, tenu nian asocion en bona financa farto. La granda plimulto el la membraro ne estas individua membro. Multaj e-istoj entute ne estas membroj. Ili volus sed ne povas pagi la kotizon.

*Pagantaj individuaj membroj* estas relative malmultaj, sed *ili* devas porti la asocion finance. Anstataŭ multe altigi la kotizojn (kio trafus ankaŭ tiujn kiuj vere ne povas pagi pli), ni preferas alvoki vin al libervola subtenado:

1. Fariĝu membro de Societo Zamenhof. Per tiu regula, duobla kotizopagado vi mem, anstataŭ la asocio, devigas vin al kotizaltigo.
2. Donacu unu kotizon al Fondaĵo Canuto, la solidareca fondaĵo de la asocio.
3. Kontribuu al aliaj agadoj kiuj plaĉas al via koro.

Tiel, per tri simplaj reguloj, vi povas flegi la bonfarton de via asocio. La homoj en Roterdamo faras sian eblon. La Komitato kaj Estraro faras kaj faros la sian. Ankaŭ la individuaj membroj faru sian maksimuman eblon.

Hans Bakker
Estrarano pri financo

*Eŭropa agado:*

# Germanaj eŭro-kandidatoj pri Esperanto

**"Eŭropo, kie vi estas?" — tiel kelkaj membroj de Germana Esperanto-Asocio (GEA) demandis sin, partoprenínte en la agado alskribi kandidatojn por la elektoj al la Eŭropa Parlamento (EP; vd. marto, p. 41). Ili provis kontakti siajn regionajn kandidatojn, sed ŝajnis ke la "testenduloj" kvazaŭ sin kaŝas. Eltrovi iliajn adresojn apenaŭ eblis. Kelkaj tamen surŝultrigis tiun penon kaj, trovinte "siajn" kandidatojn, sendis al ili leteron kun la "Dek tezoj pri la lingvoproblemo en la EK" de GEA. La asocio mem skribis al la particentroj.**

Per diversaj vojoj oni fine eltrovis 70 kandidatojn. Komence de majo ni havis 47 respondojn (senditajn ĉu al GEA ĉu al unuopaj membroj): po 18 de socialdemokratoj (SPD) kaj de kristandemokratoj (CDU), 6 de verduloj, 3 de liberaluloj (FDP) kaj po unu de kristansocialistoj (CSU) kaj socialistoj (PDS).



*Se via lando membras en la EU, ankaŭ via deputito bezonas lingvan protezon. Ĉu via parlamentano faros ion por ke iam ne estu tiel?*

Unue, ĝojindaĵo: preskaŭ ĉiuj laŭdas la agadon de GEA, respektas ĝian laboron por paco kaj interpopola kompreniĝo, "vere tre estimas ke la E-asocio, kiu laŭ sia naturo staras super provincismo, aktive engaĝiĝas en la eŭropaj balotoj" (Otto von Habsburg, CSU). Tamen, ĉe la plej multaj post kelkaj frazoj venas iu "sed" ... Precipe tri argumentojn la kandidatoj vortigis rilate al Esperanto kaj ĝia ebla rolo en Eŭropo.

### "Minaco por kultura diverseco"

Ekzistas la erara opinio ke ni celas forpeli per E-o ĉiujn aliajn lingvojn. Tiu starpunkto plej bone videblas en frazo de SPD-kandidato: "La nocio de neŭtrala ponta lingvo kontraŭas la postulon pri kultura identeco" (Gunter Lüttge). En preskaŭ ĉiu letero troviĝis la eldiroj ke la kultura diverseco karakteriza por Eŭropo estas konservenda, kaj ke lernado de fremdaj lingvoj riĉigas spirite — kvazaŭ tiuj estus argumentoj kontraŭ Esperanto.

### "Nenatura kaj neparolata"

Ĉe tiuj kiuj komprenis la celon de Esperanto aperis (relative malofte) la "argumento" ke E-o ne estas natura lingvo (Otto von Habsburg). Jannis Sakellariou asertis eĉ ke E-o "ne estas aktive uzata" kaj tial al ĝi mankas "la ĉiutaga evoluo per buŝa aŭ skriba komunikado". Sed evidente li almenaŭ scias kio estas Esperanto.

### "Nerealigebla"

Kiuj taksis nian pledon principe ĝusta, tiuj ofte motivis sian kontraŭecon per la malgrandaj ŝancoj de E-o en la EU. Rolf Linkohr (SPD) taksis la ideon pri "monda lingvo teorie kompreneble tute genia", sed ties realigon "neefektivigebla".

Multaj politikistoj ne kredas ebla la akceptigon de E-o, kaj tial ne volas subteni ĝin. La cirklo fermiĝas.

Multaj konscias la problemon sed kontentas pri la nuna situacio, kelkfoje eĉ subtenas pli fortan superregon de la angla en la EU. Aliaj volas pli fortan subtenon por la germana. La parolanto pri eŭropaj aferoj de la CDU-frakcio en la germana parlamento, Peter Kittelmann, eĉ ne hezitas aserti ke diskutado pri Esperanto estas tial vana ĉar "en tuta Eŭropo pli ol 100 milionoj da homoj regas la germanan, kaj tiel, kune kun la angla kaj la franca, sufiĉe granda nombro da homoj estas 'provizita' en tri ĉefaj lingvoj".

### Konsento

Kompreneble iuj kandidatoj konsentis kun niaj tezoj: entute 6-8 reagis pli-malpli pozitive. La verdulo Jakob von Uexküll, transdonanto de la "alternativa Nobel-premio", respondis lakone: "Mi konsentas". Aliaj petis informojn. Dr. Daniela Birkenfeld-Pfeiffer (CDU), kies bopatrino parolas E-on, esprimis kion ankaŭ aliaj pensas: "Pro via letero mi unuafoje pripensis la aferon kaj ekde nun mi certe pli konscie traktos tiun ĉi problemon." Se aliaj faris kaj faros tion, nia agado jam atingis multon.

### Konkludo

Kion konkludi el la rezultoj?

Pozitivaĵoj: ja ekzistas kelkaj kandidatoj kiuj subtenas E-on, kaj multaj aliaj prenas ĝin serioze. Atentindas ke la malnovaj antaŭjuĝoj (E-on neniu parolas, E-o ne havas kulturon) nur tre malofte esprimiĝis. Multe pli granda estas la timo ke E-o volas unuformigi la kulturan diversecon en Eŭropo. Sed tiun miskomprenon ni povos forigi, emfazante ke ĝuste ties konservado estas unu el la motivoj de la E-movado.

Sed unu aferon per argumentoj ni ne povos influi: tion ke multaj politikistoj ne vidas ŝancon por akceptigi E-on en la EU kaj tial ankaŭ ne volas pledi por ĝi. Tion ni povas kontraŭagi nur per konstanta informado kaj laborado. Eble tiam ĉe la venonta balotado por la Eŭropa Parlamento venos kelkaj pliaj pozitivaj reagoj.

**Frank Stocker**
**Estrarano de GEA pri publikaj rilatoj**

## Kaj alilande . . .

En Britio Brian Barker adresis koncizan leteron al la 14 federacioj de E-Asocio de Britujo, por ke tiuj dissendu ĝin al la EP-kandidatoj en sia regiono. La letero petas kelkvortan respondon al 4 demandoj, el kiuj la lasta estas: "Se la enkonduko de E-o montrus ŝparon de la mono de impostopagantoj en la EP, ĉu vi subtenus ĝian uzadon?"

En Belgio Edward Symoens verkis dupaĝan tekston, kun akompana letero, por larĝa diskonigo en politikaj, sociaj, kulturaj kaj lingvosciencaj medioj de Flandrio kaj Nederlando. Kiel duan informmaterialon li sendas al la reagantoj 15-paĝan tekston. Symoens (Putsesteenweg 151, BE-2920 Kalmthout) preparas E-variantojn de ambaŭ tekstoj por uzo en aliaj landoj.

Unuiĝo Franca por Esperanto invitis Claude Piron "verki tekston kiun oni povu uzi por instigi la kandidatojn al la EP informiĝi pri Esperanto kaj, se eble, iom ŝanĝi sian starpunkton pri ĝi". Piron dissendis la ĉi-sekvan tekston al aktivuloj, kun la sugesto aperigi ĝin kiel pagitan anoncon en tre legataj gazetoj, je dato proksima al la eŭropaj elektoj. Ni volonte raportos ĉu tiaj anoncoj efektive aperis.

## *EŬROPAJ ELEKTONTOJ!*

*Kiu kuraĝos ataki la lingvobarilon? Tiuj, kiuj parole advokatas multlingvecon, fakte trudas al ni studi la anglan . . . por neniam ĝin plene regi. La malsupera pozicio, en kiun tiu politiko lokas nin, ne kongruas kun nia digneco.*

*La programo "Lingua" nenion solvas. Kiel dano kapabla germane kaj angle paroli komunikos kun greko elektinta la italan kaj la francan?*

*La institucioj de Eŭropa Unio tage tradukas 3,6 milionojn da vortoj; ĉiu unuopa vorto kostas . . . [esprimi en nacia mono egalvaloron de 2 francaj frankoj aŭ de 0,36 usonaj dolaroj]. Kaj mankas mono por socie utilaj agadoj!*

*Ĉu la problemo estas nesolvebla? Ne! Ekzistas solvo malmultekosta, demokratia, psikologie agrabla, kaj ĝin proponis Umberto Eco: Esperanto. Komparoj surterene faritaj inter tiu rimedo kaj la rivalaj (uzo de la angla, samtempa interpretado, ktp) konkludas, ke Esperanto ege superas la aliajn. La neantoj de tiu realo neniam komparis la diversajn komuniksistemojn en la praktiko; al ili do mankas ĉia kredindeco. Kaj tiuj, kiuj asertas, ke Esperanto malutilus al lernado de lingvoj, trompas la publikon: sperto pruvas, ke ĝi stimulas intereson por la lingvoj kaj plirapidigas ties akiron.*

*Ni postulu la solvon, kiu montriĝas la plej efika kaj la plej respekta al ĉiuj kulturoj. Ni voĉdonu nur por kandidatoj konsciaj pri la lingvoproblemo kaj pretaj kontraŭstari la diskriminon, pro kiu Esperanto nejuste suferas.* ★

## Leonardo sen amendo

La Eŭropa Parlamento pridiskutis en majo la programon Leonardo pri profesia edukado eŭropa. Ĉar la transnacia Radikala Partio (RP) opiniis la lingvan parton de Leonardo "preskaŭ neekzistanta", radikalaj EP-anoj proponis amendon koncerne la eblan rolon de neŭtrala pontlingvo. Por subteni tiun proponon, la 3-an de majo RP kunvokis antaŭ la parlamentejo manifestacion kun ĉ. 40 homoj el tuta Eŭropo. Delegacio de RP atingis ke la raportantino pri "Leonardo", s-ino Mechthild von Alemann, ŝanĝis sian intencon rekomendi voĉdonon kontraŭ la amendopropono, tamen tiu estis fine malakceptita. Laŭ RP "post tiu ĉi sperto fariĝas gravege por la E-movado . . . enirigi en la EP-on almenaŭ unu parlamentanon kiu fakte kaj ne nur vorte estu esperantisto, kiu dum la tuta parlamenta mandato sin dediĉu al la sukceso de E-o". Por italoj tia elekto eblos, ĉar la sekretario de E-Radikala Asocio, Giorgio Pagano, lokiĝos alte sur la kandidata listo de la t.n. Listo Pannella por la eŭropaj elektoj. ★

*Strategio:*

# Nek disvastigi nek disvolvi, sed...

### Komunikado en la Eŭropa Unio

Antaŭ kvin jaroj malgranda laborgrupo[1] formiĝis por pristudi la komunikadan problemon en la Eŭropa Komunumo. Pro sia multlingveco la Komunumo, intertempe rebaptita Eŭropa Unio (EU), estas fascina observadejo kaj eksperimentejo por sekvi la evoluojn en la pozicioj de la lingvoj naciaj (majoritataj) kaj etnaj (minoritataj). Jam naŭ lingvoj naciaj estas nun uzataj en la diversaj institucioj de la Unio, kaj konsiderataj, almenaŭ formale, samrajtaj; pro la atendataj aliĝoj de Norvegio, Svedio, Finnlando kaj Aŭstrio, la nombro de la t.n. *oficialaj* lingvoj ankoraŭ kreskos per kromaj tri. La studo de la laborgrupo, dokumentita en la broŝuro *Komunikado en la Eŭropa Komunumo*, rezultigis planon kun 12 difinitaj agadoj.[2] Du el ĉi lastaj mi ĉi-sube priparolos por ekzempli la gravon kaj signifon de strategio kaj taktiko en la ekstera agado.

### Agado 9: Naciaj kaj internaciaj kongresoj, seminarioj k.s.

La agadplano emfazas ke unue kaj principe taskendas la ekkonsciigado de la lingva problemo en EU. Sekve oni atentigu pri la rolo kiun la planlingvo Esperanto kiel monda helplingvo povos plenumi por efektiva solvo de la lingva problemo. En internaciaj renkontiĝoj kie la lingva problemo leviĝas kaj priparoliĝas, oni menciu kaj prilumu tian solvon. Centra argumento ĉi tie estu ke la uzado de iu lingvo nacia, kiom ajn jam uzata en certaj sferoj internaciaj, neniel povos efektive solvi la lingvan problemon. Lingvo por transnacia komunikado devas esti nacie neŭtrala kaj neniel minaci la pozicion de kiu ajn lingvo.

estas memkomprenebla, nek digestebla. En renkontiĝoj kaj interparoloj ni ne senprepare ĵetu nian solvon sur la tablon, ekparolante pri rimedo por problemo kies ekzisto kaj solvindeco eble tute ne klaras al la ĉeestantoj. Unue ni firme konvinkiĝu ke ili efektive konscias la lingvan problemon kaj sufiĉe komprenas ĝiajn facetojn kaj implicojn. Unue la analizo, poste la rimedo.



*La aŭtoro (dua de maldekstre) dum la seminario ĉe la Eŭropa Parlamento pri la lingva problemo. De maldekstre: Georg M. Regozini, Henk Maier, Claude Piron, Helmar Frank, Alicja Sakaguchi. (Fotis B.A.E.M. Meulendijks.)*

La 29-an de septembro 1993 ĉe la Eŭropa Parlamento en Bruselo la laborgrupo okazigis kun la Fondaĵo Hanns Seidel kaj la Eŭropa Parlamento seminarion pri la lingva problemo en EU.[3] Rimarkinda sperto de la seminario estis la konsterna manko de bazaj scioj pri planlingvoj ĉe la partoprenantaj politikistoj kaj oficistoj eŭropaj.

La instruo el tiu sperto speciale gravas por la nun furoranta debato pri la asocia strategio. Kiel ajn esperantistoj povas rajte fieri pri siaj jamaj rezultoj kaj atingoj, la E-movado devas tamen daŭre alfronti duran realon: *la (makro)socio troviĝas ankoraŭ nur en la fazo de ekkonsciiĝado pri la lingva problemo*. Tial la tuja propono utiligi aŭ eĉ oficialigi Esperanton tute ne

### Agado 8: Universitataj katedroj

La agadplano entenas la starigon de katedro en minimume unu universitato en ĉiu unuopa membroŝtato de EU. Se ni deziras ke Esperanto kaj ĝia uzado estu serioze konsiderata kaj akiru pli da prestiĝo en la socio, tiam la lingva problemo en la mondo kaj la potenciala rolo de Esperanto kiel temo de studo kaj instruo devas trovi lokon en la plej alta nivelo de la naciaj eduksistemoj, kiel integra parto de la oficiala universitata studoprogramo, ne marĝena fako ekster la normala programo. En Nederlando ni jam ekagadis por starigi tian katedron. Mi klarigu kial kaj kiel tio baldaŭ realiĝos, esperante ke tia alpaŝo povos esti fruktodona ankaŭ en aliaj landoj.

Unue formiĝis prepara komitato[4], i.a. kun personoj kiuj konsideras gravaj la konsciigadon de lingva problemo kaj ties pristudon, sed mem ne havas multan sperton aŭ konon pri Esperanto. Unu el ili estas prof. d-ro A.D. De Groot, emerita profesoro pri psikologio, en universitataj rondoj renoma pri komunikadaj sciencoj. Kiam niaj unuaj klopodoj, celitaj al la lingvaj fakultatoj, ne tre sukcesis, li liberigis la vojon al la fakgrupo pri komunikadaj sciencoj en la fakultato pri politikaj, sociaj kaj kulturaj sciencoj de la Universi-

## 25 jarojn en Amsterdamo

Ĉe la Universitato de Amsterdamo jam de 25 jaroj privata docento rajtas instrui Esperanton: la 29-an de aprilo oni solenis per memorkunveno tiun jubileon. En sia malfermo mag. F. Winkel, prezidanto de la Fondaĵo "Esperanto ĉe la instruado", skizis la agadon de la E-pioniro Sigismundo Pragano, antaŭan al la fondo de la privatdocenteco. Adriaña J. Middelkoop, la unua privatdocento, voĉlegis E-tradukon de sia iama inaŭgura leciono, pri "Humuraj trajtoj en la E-literaturo". Ŝia posteulo ĉe la universitato, Rob Moerbeek, prelegis pri "Humuraj trajtoj en la azia E-literaturo". Fine akademiano Gerrit Berveling parolis pri "E-literaturo en la lastaj 20-25 jaroj".
gb

tato de Amsterdamo. Tiu fakultato intertempe akceptis nian proponon enprogramigi la novan fakon. La nova katedro nomiĝos Katedro pri Socio-interlingvistiko, speciale celita al la pristudado de tutmondaj komunikado kaj lingvo, specife de Esperanto. Temas pri t.n. speciala katedro, kiun financas ne la ŝtato, sed aliaj instancoj. Por sufiĉa mona subteno oni nun sondas ĉe diversaj institucioj kaj fondusoj. Post kvin jaroj la Universitato rekonsideros la eblon ŝtate financi la katedron.

Due, kadre de la akirado de financa subteno ni starigis apartan komitaton de rekomendo, kiu konsistas el personoj aprobantaj la gravon kaj utilon de la pristudado de la monda lingvoproblemo. Inter ili troviĝas pluraj nederlandaj eminentuloj, kiel la ministro pri edukado kaj scienco.

Laŭ la nuna aferstato la perspektivoj pri sukcesa financado estas favoraj; unu fondaĵo jam promesis gravan sumon. Ni atendas ke la nova profesoro povos esti nomumita ene de unu jaro, kaj ke la fako povos ekfunkcii en la studjaro 1995/1996. Post la definitiva oficialigo mi plu informos vin. Tio ja eventuale utilos por starigi similajn katedrojn en aliaj landoj. Ni nun preparas ankaŭ tegmentan eŭropan komitaton de rekomendo, konsistontan el eŭrope renomaj korifeoj, por subteni la naciajn komitatojn kiuj agados por la starigo de tiaj katedroj.

## Celo kaj rimedo

Niaj spertoj pri la du priskribitaj agadoj kondukas min al la demando ĉu la Esperanto-movado bone difinas kaj prezentas al si mem siajn celojn kaj prioritatojn. La Statuto de UEA difinas la celojn en artikolo 3 tiel:

*(a) disvastigi la uzadon de la Internacia Lingvo Esperanto;*

*(b) agadi por la solvo de la lingva problemo en internaciaj rilatoj kaj faciligi la internacian komunikadon;...*

Mi ne nepre volas argumenti por la tuja adapto de la Statuto, kio en UEA ja estas komplika kaj peza proceduro, sed la artikolo estus pli bona kaj klara, se la celo menciita sub (b) estus traktita unualoke kaj nur poste tiu menciita sub (a), kiu ja rilatas al (b) kiel rimedo al celo. Mi konscias ke al multaj tio povas ŝajni bagatelo, sed tiu ŝajne frivola formalaĵo kaŝas en si profundan veron kun strategia kaj taktika signifo esenca por nia ekstera agado. La mondo apenaŭ konscias pri la bezono kaj utilo de Esperanto, ĝuste ĉar al ĝi mankas klara kaj klera bildo de la monda lingvoproblemo. Al simpla civitano, publika instanco aŭ decida aŭtoritato Esperanto aperas nur kiel duonintelektula ludilo, ne kiel konvena rimedo por monda problemo. Tion ni tro facile ignoras en nia agado. Ne utilas ke ni semu ne preparinte la grundon.

Kadre de la nun preparata unuiĝo de la du ĉefaj nederlandaj E-asocioj (NEA kaj FLE) tial mi proponis jene formuli la celojn de la nova asocio:

(a) konsciigadi la socion pri la kreskanta komunikada kaj lingva problemo en la internacia komunumo;

(b) kontribui al la solvado de ĉi tiu problemo per la konatigado de la rolo kiun E-o en tio povas plenumi;

(c) montradi ke la uzado de Esperanto en internaciaj rilatoj kaj rektaj kontaktoj inter diverslingvanoj ĉiuflanke efektive funkcias;

(d) diskonigi la Universalan Deklaracion de la Homaj Rajtoj kaj pli specife ties artikolon 2, kiu difinas ke ĉiuj rajtoj kaj liberecoj tie deklaritaj validas same por ĉiuj homoj sen ia ajn diferencigo laŭ raso, haŭtkoloro, sekso, *lingvo*[5], religio ktp.

## Konklude

Se UEA transprenos similan priskribon de siaj celoj en sian statuton, aŭ almenaŭ faros ĝin baza elemento de sia strategio, tiam pli klaros en la agadoj de la E-movado ke ni troviĝas ankoraŭ en procezo de konsciigado pri la lingva problemo kaj ke ni prezentas E-on unue kiel rimedon por solvi konkretan problemon. Certe, Esperanto — jam delonge socia realaĵo — estas ankaŭ en si mem celo, por kiu oni tute prave povas labori. Sed por sukcesa agado en neesperantista medio estas provizore pli efike se la Esperanto-movado koncentriĝas al la procezo de konsciigado. Sekve, se paroli pri strategiaj prioritatoj kaj la dezirindeco de kvanta kaj kvalita kresko, la unua prioritato estas nek disvastigi la uzadon de Esperanto, nek disvolvi la komunumon, sed konsciigadi la mondon pri la lingva problemo. Tiam la vojo iĝos pli irebla por la necesaj disvastigado kaj disvolvado.

**Hans Erasmus**
**Konsilisto ĉe la nederlanda Ministerio pri Vivmedio**

## Lingvopolitika debato en Roterdamo

"Ĉu ekzistas solvo por la lingvoproblemo en la Eŭropa Unio?" Laŭ iniciato de la nederlanda fondaĵo Civis Mundi, dekopo da fakuloj simpoziis publike la 29-an de aprilo ĉe la Roterdama Universitato Erasmus, kaj ĉiu el ili respondis la demandon per sia solvopropono. Malgraŭ konsento pri la neceso konservi la kulturan kaj lingvan riĉecon en Eŭropo, la proponitaj rimedoj draste malsamis: i.a. deviga enkonduko de la angla (Hans Heestermans), ĝenerala dulingveco (Damiaan Meuwissen), maksimuma lingva egalrajteco (Yvo J.D. Peeters), konservo de la plurlingveco en la eŭropaj institucioj (Wilfried Vandaele), aŭ uzo de neŭtrala helplingvo kiel Esperanto aŭ Interlingua (L.T.A. Rutgers). La ĉ. 60-kapa publiko, kiu rajtis voĉdoni pri la konvinkeco de ĉiu prelego, plej multnombre aprobis ĉi lastan solvon. Ĉeestis kaj kundebatis pluraj e-istoj, i.a. Gerrit Berveling, Hans Erasmus, Nikola Rašić kaj Pasquale Zapelli.

NOTOJ

Mi tre dankas s-ron W. F. Huppertz (Nederlando) por liaj enhavaj kaj lingvaj komentoj.

1. Hodiaŭ la laborkomitato konsistas el Michael Cwik (G), Hans Erasmus (NL), Grégoire Maertens (B), Giovanni Martinetto (I), Edward Symoens (B), kaj Kristin Tytgat (B).

2. *Komunikado en la Eŭropa Komunumo*, projekto sub aŭspicioj de UEA, ILEI kaj EEU, Antverpeno: EEC, 1992.

3. *Esperanto* n-ro 1052, oktobro 1993, p. 161.

4. La preparkomitato konsistas el s-roj mag. J. H. Erasmus (prezidanto), d-ro J. Wieberdink (sekretario-kasisto), prof. d-ro P. H. Damsté, prof. d-ro A. D. De Groot kaj s-ino mag. S. J. S. Schotanus à Steringa Idzerda (pli konata kiel Saskia Idzerda, la prezidanto de TEJO).

5. Mia kursivigo.

*Scienco:*

# La faklingvo en Esperanto

**Ĉu mankas vortoj en Esperanto? Ĉu estas eĉ tro da ili? Jen eterna diskuttemo. En la kampo de terminologio ne ekzistas dubo: ĉiutage centoj da novaj nocioj kaj objektoj postulas sian nomon. Kiel Esperanto reagu al tiu defio? Akademiano Werner Bormann respondis jene en "La letero de l'Akademio de Esperanto".**

La plej granda vortaro pri la germana kaj la angla[1] enhavas 220 000 anglajn kapvortojn kun 500 000 germanaj tradukoj kaj en dua volumo 340 000 germanajn kapvortojn kun 600 000 anglaj tradukoj. En la Plena Ilustrita Vortaro estas 15 250 kapvortoj, el kiuj facile fareblas 150 000 vortoj aŭ eĉ pli; la plej nova Esperanto-vortaro en la germana[2] havas 40 000 vortojn.

La tradukhelpo de la Eŭropa Komunumo "Eurodicatom" registris po 500 000 elementojn en la angla kaj en la franca. La libro pri ekonomio/financoj/mono kun la naŭ EK-lingvoj kiel helpilo por tradukistoj havas 1150 terminojn. La esperantista fakorganizaĵo Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF) jam tradukis ĝin[3] en Esperanton. La plej grava fakvortaro pri ekonomio en Esperanto[4] havas 2 812 terminojn.

Tio montras ke eblas multon jam fari en Esperanto sen suferi pro mankoj de terminoj. La fervojistoj priskribis sian medion en nove aperinta vortaro[5] kun 9 300 fakvortoj el la vortprovizo de Esperanto kaj nur manpleno da neologismoj. Harald Schicke montris ĉiujn detalojn de la homa korpo[6] sen novvortoj. Mi mem verkis kvar libretojn pri ekonomiaj temoj kun 241 paĝoj[7] kun la ekzistantaj vortoj, kaj mi ankaŭ instruas ekonomikon en universitatnivelaj kursoj de la Akademio Internacia de la Sciencoj en San-Marino sen lingvaj problemoj.

Tiuj ĵus menciitaj kaj pruvitaj kapabloj estas konvinkaj argumentoj ke la faka esprimkapablo en Esperanto jam estas eminenta. Kompreneble restas ankoraŭ nefarita laboro. Ekzistas kvantoproblemo, kiu ŝajnas timiga, sed en la plua rafinado kaj plivastigado de la terminoj en Esperanto ĉio estas solvebla. Temas pri granda defio, kaj venko en tiu kampo estas decida por la ŝancoj de Esperanto. Ekzemploj kaj novaj ideoj montras la vojon.

> *"Se ĉiuj manĝaĵoj de la tuta mondo ekhavu siajn nomojn en Esperanto, ties lingvostoko krevus; preferinde estas nomi* bujabeson *'franca fiŝsupo* bujabeso'."

Plej grave estas ke la Fundamentaj elementoj de Esperanto proponas sian vortmaterialon. Kiam ŝipoj altransportis la unuajn grandajn ujojn kun la anglalingva nomo *container*, altrudiĝis la Esperanto-vorto *kestego*, sed la esperantistoj preferis la neologismon *kontenero*. Tamen la apliko de sufiksoj devus esti la ĉefa rimedo por ricevi novajn terminojn.

Tiel montriĝas la interesa fenomeno ke terminoj estas sufiĉe ofte "normalaj" vortoj de Esperanto, kiuj perfekte trafas iun fakan sencon. Prave konstatas pri tio la terminare tre aktivaj fervojistoj: "Ne ĉiu fakesprimo estas termino – ne ĉiu nacia termino havas internacian signifon"[8]. Kio tiam gravas, estas lingva disciplino: la regula uzo de tiaj vortoj ĉiam kun ilia faka signifo. Do kio okazas en la merkato, por tio ĉiam servu la "terminoj" *proponado* kaj *postulado*; tion bedaŭrinde ne ĉiuj sekvas.

Multaj vortoj pri tipe naciaj fenomenoj, fariĝintaj terminoj en niaj vortaroj, devenas el simpla esperantigo. Tiam indas pripensi ĉu ilia ĝeneraleco estas tiel granda ke tiuj nocioj havu siajn vortojn en Esperanto. En PIV troviĝas la termino *bujabeso*. Se ĉiuj manĝaĵoj de la tuta mondo ekhavu siajn nomojn en Esperanto, ties lingvostoko krevus; preferinde estas nomi tion *franca fiŝsupo* kun la aldono de ĝia propra nomo. Kiam Pola Radio dissendas novaĵojn, vortoj kiel *Sejmo* aŭ *Primaso* estas eventuale komprenataj, sed *la pola parlamento Sejm* aŭ *la pola ĉefepiskopo Primaso N.* estus multe pli vaste akcepteblaj.

Amaso da novaj terminoj en multaj lingvoj de la mondo, ankaŭ en la germana, estas anglaj vortoj. Jen nur kelkaj: *hearing, carport, streetworker, mailbox, catering, life, aquaplaning, airbag, fast food, marketing, management-buy-out, TV-clip, party, recycling* kaj *leasing*, eĉ kun germanaj participoj . . . Germanoj sentas la neceson uzi tiujn vortojn. Do por ili temas pri terminoj. Prelegante en la Brita Kongreso de Esperanto antaŭ anglalingvaj aŭskultantoj, mi demandis pri ilia sento: por ili ne ekzistas tiu bezono je terminoj, ĉar tiuj vortoj por ili estas "normalaj".

Mi volas rekomendi al la esperantistoj tiun lingvan konduton de usonanoj, britoj kaj aliaj anglalingvanoj. Ĝi estas ŝlosila pozicio por saĝe respondi al la menciita defio.

Sed da rekomendoj jam estas multe. La problemaro de la faklingvo necesigas sisteman pritrakton, koheran planadon kaj celkonscian agadon. En la organizaĵo portanta Esperanton leviĝis la deziro havi "lingvopolitikon", sed la parlamen-

## Esperanto-radioj reagu!

La 35-jariĝanta Esperanto-redakcio de Pola Radio alvokis en marto (p. 48) ĉiujn radiostaciojn kiuj uzas Esperanton sendi al Varsovio informojn pri siaj programoj kaj funkciado. El tiuj donitaĵoj Andrzej Pettyn, redaktoro de Pola Radio kaj UEA-komisiito pri radioelsendoj, kompilos broŝuron. *Sen kompletaj informoj pri ĉiuj stacioj la dokumento ne estos plenvalora!* Tial Pettyn petas ĉiujn kiuj ankoraŭ ne respondis, reagi kiel eble plej rapide al: Pola Radio, Esperanto-redakcio, PL-00-950 Warszawa, P.O.B. 46, Pollando.

teca gvidorgano de UEA, ĝia Komitato, ne volis preni decidon en tiu afero[9], kiun ĝi konsideris tro tikla. En tia ĉirkaŭaĵo la helpinstanco de UEA por la antaŭenigo de la faklingvo, Terminologia Esperanto-Centro, fariĝis ne plu vivkapabla. Nur unuopuloj kaj kelkaj fakaj E-organizaĵoj aktivas plu en la terminara laboro.

La Akademio de Esperanto listigas inter siaj statutaj taskoj ke "ĝi verkas teknikajn terminarojn, aŭ kontrolas kaj aprobas tiajn terminarojn, verkitajn de aliaj aŭtoroj"[10]. Ĝi laboras tiukampe. Elstaras Pekoteko de akademiano Eichholz, kiu estas laborrimedo por diskuti vortproponojn [vd. p. 108]. Tial ĝi ne helpas ekzemple al lekciisto (kiel mi), kiu uzas terminojn fidante ke la studentoj komprenas ilin precize.

Unu afero estas la libera evoluo de la lingvo, por kiu inter multaj aliaj pledas ekzemple Claude Piron: ĉu la ĉielo nur *estas blua*, aŭ ĉu ĝi *bluas*? Alia afero estas la preciza signifo de difinita vorto fake uzata. Ekzemple: kiam subvencioj estas akireblaj, ja estas grave ĉu ekzistas por tia ŝtata favoraĵo *rekomendo* aŭ *sugesto* aŭ *propono* aŭ *konsilo*.

En la internacia kunlaboro regas kompromisoj, kiuj estas zorge formulitaj — en la ĝustaj nuancoj de siaj vortoj. Se oni iun tagon aplikos Esperanton en oficialaj internaciaj kontaktoj, tiam oni trovos tiajn interkonsentojn en la intertraktada lingvo Esperanto. La vortoj en tiu lingvo devas komprenigi la saman enhavon al ĉiuj uzantoj. Poste ili ja ĉiuj tradukas la komunan rezulton en sian nacian lingvon, ĉar en tiuj lingvoj la tekstoj estas jure validaj. Tiam diferencoj ne aperu! Nur tiukaze la internacia lingvo povos plenumi sian funkcion. Do al tiu servo Esperanto devas esti matura.

Esperanto jam progresis sur tiu ĉi vojo. Tion pruvas la prezentitaj ekzemploj. La faklingvo en Esperanto atingis staton kiu permesas al ni plue aserti ke Esperanto kapablas solvi la lingvoproblemon en la internaciaj rilatoj. Unu argumento estas la atingitaj rezultoj. Per alia argumento ni devus kontentige respondi al dubantoj kiel ni solvas la kvantoproblemon. Ĝuste por tiu grava defendo de la aspiroj de Esperanto la vojoj montritaj tie ĉi indikas kiel ni procedu.

**Werner Bormann (Germanio)**

NOTOJ

1. *Der Große Muret-Sanders*. München: Langenscheidt.
2. Erich-Dieter Krause, samloke, 1993.
3. *Economie–Finance–Monnaie. Glosaro de la Komisiono de la Eŭropaj Komunumoj. E-franca-angla*. IKEF, 1992.
4. *Internacia komerca-ekonomika vortaro en 11 lingvoj*. F. Munniksma k.a. (i.a. Dr. Bormann). Pekino: ĈEE, 1990.
5. *Fervoja terminaro Esperanto-germana*. Bremen: Terminara Komisiono de IFEF/ Fervojista Sekcio GEFA, 1993. [Pri la aperonta *Ĝenerala leksikono de fervojaj terminoj* vd. p. 117, Fake, "Fervojistoj".]
6. *La korpo de la homo*. Harald Schicke. Buchholz: MZ, 1992.
7. *Konjunkturpolitiko 1989*, *Entreprenistaj strategioj 1991*, *La merkato de trafikservoj 1992*, *Mondkomerco kaj lingvo 1993*. Ĉiuj Hamburgo, la aŭtoro.
8. Dr. Heinz Hoffmann en *Terminara kuriero*, decembro 1993 (TeKu 89), p. 6.
9. *Esperanto*, sept. 1993, p. 149.
10. *Aktoj de la Akademio III*, Rotterdam/ Paris, 1992, p. 10.

# Kontraŭ sekretaj lingvaĵoj

Ju pli longe mi okupiĝas pri faka eldonado des pli mi ĉagreniĝas! Evidente erudiciuloj strebas traduki siajn fakvortojn laŭlitere. Tio signifas: medicinaj fakvortoj aspektas en Esperanto greklatine, komputilaj aŭ filmaj angle! Mi ja komprenas la bezonon je fakvortoj, sed oni ne devus tute neglekti nian Fundamenton! Ĝi ja ebligu ke oni akceptu internacie konatajn vortojn, sed ĝi certe ne celis krei sekretajn lingvaĵojn en Esperanto kaj ne plu uzi la vortfaran sistemon!

Ĉiuj ĉi novkreitaj vortoj kutime estas eŭropecaj. Mi ne ŝatus imagi la tempon kiam aziaj kaj afrikaj aŭtoroj pli memfide kreos fakvortojn laŭ siaj sperto kaj historio. Kiu komprenu tian miksaĵon?

Tial mi kredas ke ni bezonas novan diskuton pri fakaj vortaroj (terminaroj, nomenklaturoj ktp). Tute ne sufiĉas ke fakuloj solaj decidu pri tio! Ni ĉiuj, uzantoj de la scioj kaj Esperanto-parolantoj, devas kunparoli tiukaze!

Esperanto estas relative facila lingvo. Tial ĝi povas esti lingvo de ĉiuj sociaj tavoloj — se ni ne baros tiun eblon per inventado de miloj da sennecesaj novaj vortoj!

Jen kelkaj ekzemploj:

*Hemikranio* neniel estas pli klara ol *unuflanka kapdoloro*. Sed ĉi lastan komprenas ankaŭ homoj neeŭropaj aŭ neerudiciaj, eĉ komencantoj.

Kial *inflamo de la renoj* estas *nefrito*? Ĉu ĝi ne povus almenaŭ esti *renito* aŭ ĉu ni estonte parolu pri *nefroj* anstataŭ *renoj*?

Kial oni nomas bonvidan okulon *emetropa*? Ĉu *malbonvida* okulo ekzistas? Ne, ĝi estas aŭ *miopa* aŭ *hipermetropa*. Se mi akceptus *miopa*, mi dezirus almenaŭ *malmiopa* anstataŭ *hipermetropa*.

Oni ja povus argumenti ke *miop-* kaj *hipermetrop-* estas internacie facile rekoneblaj de fakuloj. Tamen ili almenaŭ atendus *hyper-* anstataŭ *hiper-* kaj certe ne povus kompreni la sencon de kunmetitaj vortoj kiel *miopulo* aŭ *hipermetropulo*.

Kiel esperantisto neparolanta la anglan komprenus *videoklipo*? Eĉ se li posedus PIV-on, li tute ne komprenus ke temas simple pri filmeto aŭ filmero.

Do, al kiu servas tiuj tute superfluaj fakaj vortoj? Certe ne al E-o, kiu ne bezonas tiujn vortojn, sed supozeble al fakuloj, kiuj emas fari sekreton el sia profesio, same kiel en la mezepoko! La inventintoj aŭ ne pripensis sian vortkreadon, aŭ ne bone scias E-on . . .

Erudicia homo ĉiam devus komprenigi sin tiel ke aliaj (eble malpli erudiciaj) homoj komprenu lin! Multaj fakuloj tamen ne kuraĝas adapti sian lingvaĵon al la kutima uzo, ĉar ili timas malestimon.

Kion mi faru? Kiel verkisto mi jam klare montris mian opinion per mia unua Esperanta verko (*La korpo de la homo*; la subtitolo intence estis *Enkonduko al konstruo kaj funkcio* anstataŭ *Anatomio kaj fiziologio*). Kiel eldonisto mi dubas ĉu mi rajtas eldoni verkojn kun tiom multe da superfluaj, laŭdire "fakaj", vortoj, kiuj servas nur al la komforto de la aŭtoro, sed iom post iom mortigos la lingvon.

**Harald Schicke (Germanio)**

*Fakaj asocioj:*

# Esperanto en la sciencoj

**Fakaj asocioj estas, aŭ devus esti, inter la plej gravaj ekzistokialoj kaj -formoj de la E-movado. Tamen, ne ĉiuj eblaj interesatoj trovas vojon al "sia" fakasocio. Mallonga priskribo en la Jarlibro ne ĉiam sufiĉas por orienti kaj allogi ilin. Tial ni ekirigas novan rubrikon, kie sin prezentos fakaj asocioj: unue Internacia Scienca Asocio Esperantista.**

La scienco estas internacia, sed la lingvodiverseco grave obstaklas ĝian samrajtan komprenadon. Ne mirige ke jam frue la internacia lingvo vekis la intereson de sciencistoj.

Jam en januaro 1904 ekaperis *Internacia Scienca Revuo* kun kontribuaĵoj de konataj sciencistoj. Ĝi ludis gravan rolon por ellaborado de la scienca lingvouzo en Esperanto. Dum la 2-a Universala Kongreso en Ĝenevo (1906) okazis prepara kunveno por fondo de Internacia Scienca Asocio Esperantista, kiun oni formale fondis la 15-an de aŭgusto 1907 en Kembriĝo. Per tio ISAE estas la plej malnova fakasocio en la E-movado. Tiama vicprezidanto estis cetere la Nobel-premiito J. J. Thomson, profesoro pri fiziko ĉe la Universitato de Kembriĝo.

Post la dua mondmilito ISAE en 1949 komencis eldonadi la nunan *Scienca Revuo* kun enhavo ĝenerale naturscienca. Hodiaŭ ĝin redaktas Rudi Hauger kunlabore kun Carl Støp-Bowitz kaj Stevens T. Norvell. La revuo publikigas i.a. prelegojn de la Internacia Kongresa Universitato (IKU) kaj ĝenerale klerigajn referaĵojn kaj originalajn studojn pri naturscienca, teknikaj kaj sociscienca temoj. Ĝi estas legebla kun profito por ĉiu klera homo kaj meritas esti legaĵo ankaŭ en vastaj rondoj. La aldona *Bulteno* informas pri administraj kaj organizaj temoj.

Same grave kiel la eldonado de sciencaj revuoj tute en Esperanto estas ke tiu internacia lingvo eniru la ĝeneralan nacilingvan sciencan gazetaron, ke en la sciencaj revuoj aperu traktaĵoj (aŭ almenaŭ ties resumoj) en Esperanto de kompetentaj fakuloj.

Diversaj e-istaj sciencistoj produktas sciencteman librojn en nia lingvo, parte popularsciencajn, ekz. *La vivo de la plantoj* de Paul Neergaard, sed ankaŭ pure sciencajn, kiel *Atakoj kontraŭ ĝardenplantoj* de la sama aŭtoro. Okaze de la 50-jara jubileo

# Recenzo



## Demokratieca terminaro

**Per-komputora termino-kolekto (Pekoteko).** Plena kolekto 85-90, vol. I-III. Bailieboro: Esperanto-Press, 1992. 80 usonaj dolaroj + 10 USD da sendokostoj ĉe la eldonejo (R.R. 1, Bailieboro, Ontario, Kanado, K0L 1B0). Surdiskete (formato WordPerfect) 40 + 5 USD.

Esperantisto kiu utiligas la internacian lingvon ĉiutage, inkluzive en sia profesia laboro, kelkfoje ne trovas helpon en PIV. Konstante novaj nocioj estiĝas, al kiuj la inventintoj, la ĵurnalistoj ktp donas nomon. Malmultaj e-istoj kapablas sekvi tiun evoluon sur Zamenhofa vojo. Akademiano Eichholz kreis per sia Pekoteko dum la lastaj jaroj eblon por publikigi kaj pridiskuti la proponojn de E-lingvaj ekvivalentoj por tiuj ĉi nocioj — kaj por nocioj malnovaj, ĝis nun ne havantaj kontentigan nomon.

Al Pekoteko oni povas enmeti laŭvole multe da termino-proponoj en teorie laŭvole multe da lingvoj. Nur la ĝis nun mankanta ebleco en la komputora mondo facile indiki ĉiun ajn literon metas ankoraŭ limojn.

Ĉiu artikolo en Pekoteko — t.e. ĉiu nocio — enhavas koncernan difinon, kiel decidan indikon por terminologia laboro. Kvankam laŭintence la diskuto pri la proponitaj terminoj servas por trovi preferindan terminon, Eichholz ne parolas pri normaj terminoj, kiuj estu la celo en faklingvoj. Tia agmaniero pravas, ĉar la proponoj devenas verŝajne "nur" de engaĝitaj unuopaj e-istoj kaj ne de fakgrupoj ampleksantaj ĉiujn e-istojn en la koncerna fako.

Ĉe ĉiu artikolo ekzistas loko por montri la devenon de iu ajn indiko. Pri ĉiu indiko estas petita la opinio de la e-istaro. Detala priskribo pri la manipulado de la Pekoteko-sistemo helpas al la e-istoj uzi tiun eblon, kiu povas esti vere demokratia laŭzamenhofa sistemo. Sed . . .

Ŝajne Eichholz taksas la materialajn eblojn de la e-istaro tro altaj. La plimulto de la e-istoj en la mondo ne disponas rimedojn por uzi tiujn komfortajn komunikilojn, la komputorojn. Verŝajne tial la ĝisnuna eĥo al Pekoteko estis malgranda. Ankaŭ la prezo de la eldonaĵoj, kvankam relative modesta, povus esti nepagebla por multaj.

Ĉirkaŭ Pekoteko aperis materialoj kiuj montras ke kelkaj e-istoj sentas sin metitaj sub kuratorecon de Eichholz. Mi pensas ke ĉiu havas la rajton defendi sian opinion. Estas kompreneble ke tia ekstreme engaĝiĝinta esperantisto kiel Eichholz ĉiam denove prezentas sian opinion. Estas kompreneble ke lia vorto akademiana havas pli grandan pezon ol la vorto de alia e-isto. Eichholz provas eltrovi per demandilo la opinion de la plimulto de la e-istoj agantaj sur la terminologia kampo. Sed kun pli ol 700 demandoj (en vol. III) li eble timigas kelkajn kiuj povus kaj devus respondi. Mi mem preferis respondi nur la demandojn pri la komuna lingvo. Pri fakaj terminoj laŭ mi povas respondi kaj decidi nur fakuloj kadre de la tuta nocio- kaj termino-sistemo de la koncerna fako.

Resume mi taksas la ĝis nun publikigitan parton de Pekoteko grava verko, kiun ĉiu e-isto laŭeble uzu.

**Karl-Hermann Simon (Germanio)**

de ISAE aperis en 1956 la 240-paĝa volumo *Sciencaj Studoj*, konsistanta el 36 originalaj esplorraportoj el diversaj fakoj, verkitaj en Esperanto. Same impona estas la verko *Likenoj de okcidenta Eŭropo* (1985), laboraĵo de Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino.

Kiam estiĝis la ondo de intereso pri Esperanto en Irano kaj poste en Ĉinujo, aperis la demando de E-lernolibroj pri diversaj sciencaj







*Ĉiujare aperas kelkaj, sed nur kelkaj, scienc(popularig)aj verkoj en Esperanto.*

temoj. Tiam nuna estrarano de ISAE, R. K. Jones, kune kun aliaj fakuloj, prizorgis tradukon de 574-paĝa universitata lernolibro pri kemio [vd. marto, p. 44-45].

La celo de ISAE estas apliki kaj iom post iom akceptigi Esperanton en la sciencaj medioj: ĝi estu ligilo inter sciencistoj kaj teknikistoj el ĉiuj fakoj; aldona celo estas la disvastigo de sciencaj scioj inter e-istoj.

En landoj kie la asocio havas plurajn membrojn, funkcias landa delegito, kies taskoj estas varbi membrojn kaj kolekti kotizojn, klopodi ekinteresi sciencistojn kaj teknikistojn. La membroj povas formi (kiel ekz. en Nederlando kaj Norvegujo) landajn filiojn kaj fakajn sekciojn.

La landaj delegitoj formas kun la prezidantoj de la landaj filioj kaj de la fakaj sekcioj la Komitaton, al kiu aliĝas la redaktantoj de *Scienca Revuo*. La komitato elektas la 5-membran estraron. Siajn kunvenojn la asocio okazigas ĝenerale dum la Universalaj Kongresoj.

Antaŭ kelkaj jaroj ISAE estis trafita de ekonomia krizo kaj perdis membrojn kaj enspezojn. Tiam la asocion savis la valora helpo kiun la norvega filio ricevis de la legaco Rolf Uhlen; la energia agado de la sekretario-kasisto kaj de la prezidanto revenigis la stabiligitan asocion sur prosperan vojon, novaj membroj komencis aliĝi, kaj denove eblis eldoni po du kajeroj de *Scienca Revuo* jare.

Ke ekzistas intereso en sciencistaj rondoj, montras la fakto ke aperas publikaĵoj pri apartaj sciencaj temoj, ekz. pri medicino, matematiko, geologio, ornitologio, speleologio, juro. Ankaŭ la Someraj Universitataj Kursoj provizis la movadon, eldonante la tekstojn de siaj kursoj, per sciencnivelaj publikaĵoj. Jam ekde jaroj en Ĉinujo aperas la revuo *Tutmondaj Sciencoj kaj Teknikoj* [22 gld. ĉe UEA], kaj IKU ĉiujare prezentas prelegojn de fakuloj pri diversaj temoj.

Tamen, la ofte emfazata "scienca aplikado" de la internacia lingvo bezonas pli fortan fakasocion. Inter la delegitoj de UEA multaj indikas en la Jarlibro profesion rilatan al ia scienca temo, kaj sendube ankaŭ inter la ceteraj e-istoj troviĝas multaj kiuj okupiĝas pri sciencaj temoj aŭ interesiĝas pri progresigo de E-o en fakaj rondoj. Ni invitas ĉiujn membriĝi en ISAE kaj sendi fakajn artikolojn por publikigo en *Scienca Revuo*. Personoj en landoj kun malforta ekonomio eĉ povas fariĝi membroj per sendo de kompetentaj artikoloj. Ili ĉiuj povas, per membriĝo en ISAE, kundecidi la direkton de la E-lingva scienca agado per aktiva publikigo de sciencrilataj temoj kaj demonstri rekte la sciencan aplikon kaj taŭgecon de la internacia lingvo.

La ISAE-estraro kaj la redakcio de *Scienca Revuo* estas survoje certigi la regulan aperigadon de minimume du kajeroj jare. Tiu eldonada sukceso subtenas la diskonigon de E-o en fakaj rondoj, ĉar vere urĝas refortigi la plej tradician E-lingvan sciencan asocion, kolektante en ĝi laŭeble multajn sciencfakulojn kaj sciencamikojn kiuj pretas – ne nur rezolucie, sed praktike – antaŭenpuŝi la internacilingvan kompreniĝon per faka praktikado.

**Carl Støp-Bowitz, prezidanto de ISAE**
**Rudi Hauger, ĝenerala sekretario kaj komisiita kasisto (Ringstrasse 13, CH-8172 Niederglatt, Svisio)**

*La ISAE-kotizo estas 25,– svisaj frankoj jare, pageblaj al la UEA-konto "isae-z" aŭ al la poŝtĉeka konto "Pro ISAE", 80-5909-0, Zürich, Svisio.*

# Lexicon silvestre — novtipa vortaro

En 1981 kelkaj E-lingvaj forstistoj ligiĝis por krei la mankantan forstofakan vortaron en Esperanto. Ni decidis krei vortaron multlingvan, por garantii sufiĉe multnombran vendon. Baldaŭ ni ekkonsciis ke ellaborota fakvortaro devas deiri de nocioj kaj ties difinoj, ne de terminoj. Nur tiel oni povas venki la ĝisnunan mankon de multaj kelklingvaj vortaroj: la multsenceco de terminoj gvidas al eraraj tradukoj.

Por ellabori nian multlingvan vortaron ni devis forlasi la malvastajn Esperantajn vojojn. Preparo de fakvortaro postulas kompetentulojn kiuj scipovas la prilaborotajn lingvojn. Ĉar la forsta fako havas, kompare kun aliaj, nur malmultajn kompetentulojn, ni ne ĉiam trovis e-istojn por kunlaborado. Nun la plimulto de la pli ol cent kunlaborantoj pri nia projekto estas neesperantistoj.

Kiel unuan rezulton de nia internacia laboro, ni prezentis provekzempleron de *Lexicon silvestre* en 1992 okaze de la centjariĝa jubilea kongreso de Internacia Unio de Forstesploraj Organizoj en Berlino/Eberswalde. La verko havas jenajn avantaĝojn kaj novecan valoron:

– Ĝi deiras de difinitaj nocioj.

– La verko prezentas por 1000 nocioj fakvortojn en 24 lingvoj, inter 1000 kaj 5300 por ĉiu lingvo.

– La difinoj aperas en 5 mondlingvoj kaj en Esperanto, kaj pro tio la verko havas por tiuj lingvoj samtempe leksikonan karakteron.

– Oni ĉi tie unuafoje aplikas en forstofaka vortaro la Pri-forstan Dekuman Klasifikon.

– La verkon oni povos vendi en porkomputora formo.

Por subteni la ellaboradon de la dua milo da nocioj, oni fondis patronan asocion. Ankaŭ FAME-Fondaĵo subtenas la leksikonverkadon. Tamen la projekto restas en danĝero pro la malfacilaj cirkonstancoj de la laboro. Detalojn enhavas *Forstista Informilo*, ricevebla ĉe D-ro K.-H. Simon, C.v. Ossietzky-Str. 21, DE-16225 Eberswalde, Germanio.

**Karl-Hermann Simon, Ingwart Ullrich, Horst Weckwerth (Germanio)**

# Kongresa komuniko 2

**79-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**
**Seulo (Koreio), 23-30 julio 1994**
**Konstanta adreso: 79-a UK, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel. (+31 10) 436 10 44; telegramoj ESPERANTO ROTTERDAM; telefakso (+31 10) 436 17 51**
**Adreso de LKK: 79-a UK, p/a Korea E-Asocio, C.P.O. Kesto 4258, Seoul - 100-642, Korea Resp.; tel. (+82 2) 424 30 32; telefakso (+82 2) 419 40 81**


*Palaco Ch'angdŏkkung, unu el la ekskursoceloj*

**Ĉu militdanĝero en Koreio?** Kelkaj kongresanoj skribe demandis ĉu la lastatempa streĉiteco inter la nordo kaj sudo de Koreio "minacas" la okazigon de la UK. Kiam ni dum la aprila vizito (legu sube) starigis tiun demandon al koreoj – ili ridis. Nenia spuro de tiu streĉiteco sur la stratoj de Seulo. Ĝi fakte ekzistas nur en la gazetaro kaj televido. Ili ja bezonas "novaĵojn" kiuj vendas armilojn. Notinde ke tiu "korea streĉiteco" komencis kreski kiam la paco ekgajnis terenon en Proksima Oriento . . . Ni do povas trankvile kongresi en Seulo. Tion konfirmas ankaŭ la amasa mendado de la ekskurso al la armistica vilaĝo P'anmunjŏm.

**Vizito al Seulo:** Meze de aprilo Seulon vizitis la ĝenerala direktoro de UEA kaj Nikola Rašić, konstanta kongresa sekretario, kadre de la preparoj por la 79-a UK. Ili amplekse diskutis kun unuopaj LKK-anoj pri la koncernaj fakoj, kaj renkontiĝis ankaŭ kun la organizantoj de IJK kaj de la ILEI-konferenco. Dum sia vizito la CO-anoj havis plurajn gravajn renkontiĝojn, i.a. kun la prezidanto de la Honora Komitato, kun la urbestro de Seulo, kun parlamentanoj kiuj subtenas Esperanton, kun gvidaj funkciuloj en la Ministerio pri Informado kaj ĉe la Korea Nacia Turisma Korporacio (KNTK). Dum la vizito, tri koreaj ĵurnaloj petis intervjuojn kaj aperigis favorajn tekstojn pri Esperanto. La agema kaj efika LKK lasis la ĝeneralan impreson ke la preparoj okazas laŭ la plano kaj en harmonia etoso, kio promesas plian sukcesan kongreson en Azio.

**Nacia vespero:** Ĉi-jare la tradicia kongreslanda arta spektaklo ne estos "nacia vespero" sed "matineo", ĉar ĝi okazos dum vendreda posttagmezo (13h30 - 15h30). Elstaraj folkloraj ensembloj altnivele prezentos vastan panoramon de la korea kultura heredaĵo. La programon kunfinancos KNTK.

**Interkona vespero** okazos apud la eleganta naĝejo de la hotelo Sheraton Walker Hill. Speciala donaco: fama korea bierproduktanto, Oriental Brewery Co. Ltd., regalos ĉiujn kongresanojn per senpaga biero!

**Turisma gvidlibro:** KNTK, kiu diversmaniere jam apogis la kongreson (Unua Bulteno, afiŝoj, glumarkoj), financas informriĉan kaj lukse ilustritan E-lingvan gvidlibron pri Koreio, kiu aperos antaŭ la kongreso. LKK preparas aliajn utilajn eldonojn, kiuj celas helpi al la kongresanoj kaj riĉigi la fonduson de koreaj kulturaĵoj en Esperanto.

**Radioamatoroj:** Jen aparte fekunda grundo, kie Esperanto ĉiutage gajnas novajn adeptojn, ĉar ĝi tre konkrete suferas la lingvan problemon en siaj kontaktoj. La tre aktiva E-sekcio de la korea radio-amatora asocio preparas riĉan programon por la UK.

**Hoteloj:** Multaj kongresanoj faris la prudentan decidon loĝi en Sheraton, la kongreseja hotelo. Por la hoteloj Moksan kaj Olympic Parktel ni decidis ne plu peri loĝadon pro la malgranda intereso. En ĉiuj aliaj hoteloj estas ankoraŭ liberaj lokoj.

**Memserva manĝejo:** Sheraton estas unuaklasa luksa hotelo, kun prezoj konformaj al tiu rango. Tamen la hotelo konsentis funkciigi specialan memservan restoracion, nur por niaj kongresanoj. Tie eblos aĉeti manĝaĵojn kaj trinkaĵojn laŭ speciale konvenaj prezoj.

**Ekskursoj:** D3 kaj D6, anoncitaj por vendreda posttagmezo, okazos matene (09h00-12h30), pro la posttagmeza Nacia Matineo. Ekskurso E2 al P'anmunjŏm: fermita! Pli ol 80 personoj aliĝis al tiu nekutima ekskurso, kaj kelkaj estas sur la atendolisto. Oni ne povas akcepti pliajn aliĝojn (kaj certe ne surlokajn). En ĉiuj aliaj ekskursoj restas liberaj lokoj. La duontaga ekskurso D2 ne okazos en ĵaŭdo nek en vendredo, pro la malalta nombro de aliĝintoj.

**Postkongresoj** estas aparte popularaj ĉi-jare. Al la insulo Cheju vojaĝos pli ol 70 kongresanoj, kaj en Japanio postkongresos pli ol 40 personoj. En ambaŭ ekskursoj ankoraŭ estas liberaj lokoj.

**Aliĝoj:** Ĝis la mezo de majo aliĝis ĉ. 1500 personoj el 65 landoj. Plej multnombras japanoj (420), koreoj (340) kaj ĉinoj (170). Kun ĉ. 60% da aziaj kongresanoj, la 79-a UK certe estos unu el la plej freŝvizaĝaj kongresoj ĝis nun, kio donos al ĝi apartan ĉarmon kaj novecan internacian etoson. ★

*Renkontiĝoj:*

# Ŝancoj kaj mankoj en Meza Eŭropo

La stacidomo de Campo Marzio en Triesto pro sia tipa mezeŭropa arkitekturo estis vere taŭga kunvenejo por la 6-a Alp-Adria Esperanto-Konferenco, organizita de Triesta E-Asocio inter la 22-a kaj 25-a de aprilo.

La inaŭgurejon, tamen, disponigis la Triesta Universitato. La salono estis plenplena de ĉ. 150 homoj el ĉiuj landoj de la alp-adria regiono. Nome de la rektoro, prof. Roberto Della Loggia gvidis la eventon. Alparolis i.a. d-ro Cristiano Degano, prezidanto de la aŭtonoma regiono Friulo-Julvenetio; Elio Tafaro, estro de la urba Turisma Instanco, kiu favoras uzon de E-o en la venontseptembra Borso pri Turismo; Guido Gerin, prezidanto de Internacia Instituto pri Homrajtaj Studoj, kiu surprize anoncis ke la instituto povus mem eldoni E-lingve siajn sciencajn esplorojn; kaj, nome de UEA, Michela Lipari. Dum la dua parto de la inaŭguro Carlo Minnaja prelegis pri "Universitatoj de Alp-Adrio enkadre de unuiĝinta Eŭropo".

Sekvatage parolis d-rino Ilona Koutny (Budapeŝto) pri "Komunikado inter homo kaj komputilo" kaj prof. Hans-Michael Maitzen (Vieno) pri "Kosmaj influoj al homa medio".

La Ĝenerala Kunsido de Alp-Adria E-istaro konstatis ke iun ajn komunan E-iniciaton en la regiono serioze malhelpas la manko de efika kunlaboro. Feliĉe, la organizo havas aktivan sekretariinon kun kvarjara mandato, Edvige Ackermann, sed tute mankas komitatanoj reprezentantaj la regionojn. Laŭ propono de Vjekoslav Morankić (Kroatio) oni akceptis deklaracion, kiu petas la Prezidantaron de la Alp-Adria Laborkomunaĵo (kunagada forumo de limregionoj en la koncernaj ŝtatoj) rekomendi la instruadon de E-o; konsideri ĝin — rilate klerigajn institutojn kaj lernejojn — kiel minoritatan lingvon (simile ekz. al la germana en Hungario, slovena en Italio ktp.); kaj starigi laborkomisionon pri ĉi tiuj demandoj. La venontjaran konferencon oni decidis okazigi en Szombathely (Hungario).



*Festparolas d-ro Cristiano Degano, prezidanto de Friulo-Julvenetio.*

Krom ekskurso al astronomia observejo kaj promentrajnado laŭ ne plu uzataj trakoj ĉirkaŭ Triesto, la konferencanoj povis ĝui inaŭguritan ĉi-okaze ekspozicion de 24 artistoj el kvar landoj, koncerton de la loka koruso Blankaj Voĉoj en ok lingvoj de la regiono, kaj teatran vesperon de la Zagreba aktorino Vida Jerman.

**laŭ raportoj de Dario Besseghini kaj Giuseppe Valente (Italio)**

# Ĉu nenio nova en oriento?

Kio ŝanĝiĝis en Rusio post 1991? Tiu estis unu el la centraj demandoj en prelego de Renée Triolle (Francio) pri la temo "Impresoj pri la aktuala Rusio". La prelegintino instruas la rusan lingvon jam de tridek jaroj kaj ofte vizitas tiun vastan landon. Laŭ Triolle multaj bazaj elementoj ne ŝanĝiĝis, eĉ ne kompare kun la caraj tempoj. Montriĝas ke — same kiel ĉiam — la amasoj kredas tiun kiu krias plej laŭte kaj promesas plej multe. La enlanda "programo" de Ĵirinovskij, ekzemple, konsistis nur el la postulo ke vodko estu havebla senpage. Sian prelegon Triolle ilustris per aro da tre trafaj karikaturoj el Rusio.

Tiu interesa prelego okazis kadre de la Trilanda Renkontiĝo en Aĥeno (Germanio), dimanĉon, la 24-an de aprilo 1994.

La dua allogaĵo de tiu internacia renkontiĝo estis referaĵo de Els Kervers-van Tholen (Nederlando) pri "La rolo de virinoj en la Esperanto-literaturo". Kontraŭe al la komenco de la E-literaturo, nun virinoj okupas sufiĉe gravan lokon en ĝi. Kervers-van Tholen apogis siajn juĝojn per voĉlegado de tri tute malsamaj poemoj de estonino, ĉeĥino kaj italino. Elstara nova talento, laŭ ŝi, estas Spomenka Štimec, kies lasta verko *Kroata milita noktlibro* akcentas ke paco ne povas ekesti sen interkomprenado kaj pardono.

La partoprenantoj el ses landoj scivoleme sekvis spritan prezentadon pri la Civitana Radio kaj ties E-programoj. Memkompreneble, oni faris fine viziton al la centro de Aĥeno.

Tiu ĉi Trilanda Renkontiĝo estis la unua kiun organizis la "Esperanto-Asocio en la Eŭregiono Mozo-Rejno", fondita en oktobro 1993. La sekvanta Trilanda Renkontiĝo okazos la 23-an de oktobro 1994 en Remouchamps (Belgio). Kontaktadreso: Jean-Marie Jacques, Place Verte 23 bte 3, BE-4800 Verviers.

**Uwe Joachim Moritz (Germanio)**

## La fantasta lingvo

Malfermiĝis nova pordo inter Esperanto kaj la paralela universo de sciencfikcio. Nia lingvo estis unu el la honoraj gastoj ĉe FANCON 94, dudeka kongreso de la italaj sciencfikciuloj, okazinta fine de aprilo en Courmayeur (Aosta Valo). Antaŭ la ĉefaj tiuĝenraj italaj eldonistoj, verkistoj, tradukistoj, desegnistoj kaj kolektistoj, nia Liven Dek (Hispanio) prelegis, en Esperanto kun samtempa tradukado, pri "Esperanto, la fantasta lingvo". Samtempe li prezentis, en ĉeesto de la UEA-estrarano pri kulturo, la 9-an numeron de sia Esperanta libroserio *Sferoj*, kiu enhavas esperantigon el itala aŭtoro.

Dum la kongreso, kies aliaj neitalaj gastoj estis la brita verkisto Brian Aldiss kaj la nederlanda ilustristo Karel Thole, prezentiĝis la itallingva libro *La lingua fantastica* (eldonejo Keltia, Aosta), konsistanta ĉefe el la italigo de dudeko da originalaj Esperantaj rakontoj, de William Auld,



*Ilustraĵo de Domenico Franchi en* La lingua fantastica

István Nemere, Georgo Kamaĉo, Konisi Gaku k.a. Aperas tie ankaŭ, en paralelaj tekstoj Esperanta kaj tradukita, 120 versoj el *Poemo de Utnoa* de Abel Montagut. La libro, redaktita de Giulio Cappa, malfermiĝas per entuziasma enkonduko de Harry Harrison, mondfama sciencfikcia verkisto kaj Honora Patrono de UEA [vd. feb., p. 28]. Ĝin ricevis en la kongresa dokumentujo la plejmulto de la partoprenantaro de FANCON 94: oni do povas aserti ke la ĉefa celo de la eldonaĵo — t.e. sciigi al la itala sciencfikcia mondo ke Esperanto ekzistas, vivas kaj viglas — jam estas atingita. Krom tio, la itala movado havas nun je sia dispono tre belaspektan nacilingvan varbilon.

**Michela Lipari (Italio)**



# *Forumo*

## Kunordigi la koridoran kongreson

*La Universala Kongreso sufiĉe baldaŭ estos jam 90-jara avino. Kiel ŝi fartas, ĉu ĝi ne kadukiĝis? Ĉu UK-oj same respondas al la postuloj de siaj partoprenantoj kiel en 1905 aŭ 1930?*



Bedaŭrinde, neniu observas la sanon de la UK-avinjo, nek faras sociologian esploron tra daŭro de kelkaj kongresoj. Kongresanoj preferas "plendi en la kuirejo" aŭ kritiketi fojfoje en E-revuoj. Sed necesas diri laŭte: la UK-oj tute ne plene plenumas sian rolon. Eble iuj diros la kialon kaj kielon. Mi limigas min je propono iom reanimi avinjon UK.

Ne nur mi rimarkas ke la kongresa gravito-centro transiĝis de haloj al koridoroj kaj aliaj malhalaj ejoj. Laboroj kaj problemoj de UEA aŭ de iuj fakaj/hobiaj asocioj interesas ege nemultajn. Krome, partopreni iliajn kunvenojn donas nur la pasivan rolon de aŭskultanto. Sed ni venas al la UK-oj ĉefe por *interkomunikiĝi*, kaj kuras tiucele el haloj al koridoroj kaj starejoj. Okazas kvazaŭ du kongresoj. Unu antaŭplanas, antaŭscias, tagordas kaj tuj trafas la deziraton. La alia nenion planas, nenion scias, ne tagordas kaj ne tuj aŭ neniam trafas la deziraton.

Mia propono estas: necesas antaŭplani ankaŭ la "koridoran" kongreson. Kiel? Mi vidas tion jene:

En sia aliĝilo ĉiu kongresano skribu temojn pri kiuj li volus paroli kun samideanoj. La temoj povas esti ajnaj: hobiaj, fakaj, politikaj; renkontiĝoj kun samprofesiuloj aŭ kun E-elstarulo ktp. Preferindas esprimi tion per ŝlosilvortoj, por komputila prilaboro. Liston de la ŝlosilvortoj (temoj) povus aperigi *Esperanto* antaŭ ĉiu kongreso. La liston de la Konversaciaj Rondoj (KR) kiuj okazos pri tiuj temoj, oni ricevu en la unua kongresa tago. La KR-oj optimume ne havu pli ol 12-15 homojn kaj estu kunmetitaj kun konsidero al la ekvilibro de nacio, sekso kaj aĝo. Ili okazu paralele al la kutimaj kongresaj eroj, ĉirkaŭ rondaj tabloj, aŭ eĉ en hotelĉambroj se ili havas malmultajn partoprenantojn. La daŭro de unu KR-kunsido ne estu malpli ol 2-3 horoj, ĉar la movada sperto montras ke la bonaj ideoj aperas kutime post ĉ. 2-hora interparolado.

Tiel en la UK povos labori centoj da kongresetoj plej diversaj. En aktivan interkomunikadon kaj lingvopraktikon estos entiritaj preskaŭ ĉiuj kongresanoj. Oni tiel ekscios multon novan, oni pli facile interamikiĝos, trovos sam-pensantojn, samhobianojn. Povos aperi internaciaj E-organizaĵoj pri novaj esperantiaj problemoj. Priskribi tion al la ekstera mondo estos pli interesoveke kaj alloge.

Fakte, la proponatan sistemon povas uzi ne nur UK-oj, sed ajna sufiĉe granda E-renkontiĝo.

Fine mi skribu, por ekzemplo, tiujn temojn pri kiuj mi volonte interŝanĝus opiniojn kun diverslandaj gesamideanoj: E-tradukproblemoj, etnismo, E-kulturo, naciismoj en Esperanto, psikologio de E-instruado, psikologio de virino, naturkuracado, E-etno, Krys Ungar, M. Boulton, W. Auld . . . Mi haltigas mian skribilon, ĉar aliaj interesaj temoj penas salti en la liston!

**Anatolo Gonĉarov**
**ul. Partizanskaja 9**
**UA-343330 Krasnij Liman**
**Doneckaja obl., Ukrainio**

# Stranga sekto eta



La vorto hantas. Oni permesas ĝin prononci ŝerce, foje memkritike aŭ refute, sed serioza uzo de la vorto estas, verŝajne, la plej terura kaj ofenda blasfemo en nia komunumo. "Ni ne agu sekte". "Ni devas ŝanĝi la situacion ke ni aspektas kiel sekto antaŭ la neesperantistoj".

Se la vorto konstante (re)aperas, do ne hazarde. Kaj la rezisto kontraŭ ĝi signifas nur ke ĝi havas iun negativan ŝargon. Kio do estas *sekto*? Nu, laŭ PIV: "1 Aro da personoj, dividantaj religiajn kredojn, diferencajn je tiuj de la regula, ortodoksa eklezio, de kiu ili apartiĝis . . . ☞ *herezo*. 2 Aro da personoj, apartiĝantaj je la doktrino de partio aŭ filozofia skolo pri unu aŭ kelkaj punktoj." Ni notu ankaŭ la lastan ekzemplon: *kristanismo estis origine nur hebrea sekto.*

Evidentas ke la unua signifo estas nur detaligo de la dua koncerne religiojn. Do, sektoj povas esti politikaj, filozofiaj, religiaj, sciencaj . . . Laŭ la difino mem nenio ofenda en la vorto estas; ĝi implicas nur ke sekto estas io (relative) malgranda, sed ja povas elkreski al io granda (kristanismo). Ke la E-komunumo estas io malgranda, ĉiuj agnoskas, eĉ se malvolonte. Do, kie estas la tubero en la afero? Kio malhelpas akcepti la memdifinon "sekto"?

Ĉiuj konas, almenaŭ supraĵe, iujn reprezentantojn de iuj religiaj aŭ politikaj sektoj. Jen atestantoj de Jehovo, jen trockiistoj, jen bahaanoj . . . La eksteruloj ne difinas ilin alimaniere ol kiel "sektanojn" — sed ja *neniu el ili mem nomas sin sektanoj!* Do, ankaŭ por ili *sekteco* estas ofenda vorto. Ili estas ja "mondreligio", aŭ "Kvara Internacio", aŭ io simile tutgloba, kvankam ili estas tiom malmultaj ke la homaro povus ilin tute ne rimarki (same kiel e-istojn). Nu, strebo ŝajni pli granda ol oni estas reale, normalas, eĉ ne nur ĉe infanoj. Sed kion ankoraŭ?

Ankoraŭ gravas la ekstera aspekto de ĉiuj sektoj. Temas pri "strangeco", neordinareco de la konduto, la ideoj propagandataj, plus nepre aktiva propagandado de tiuj ideoj. Pro tio, malgraŭ ofta malgrandeco ĝis grado de nerimarkeblo, oni bone rimarkas la sektanojn. Cetere, la e-istoj ne estas escepto tiurilate.

Ĉiu sekto havas idean bazon, sian veron. La vero estas memkomprenebla por ĝiaj membroj, absolute evidenta. Por ili estas klare ke, se la tuta homaro komprenos la veron, la vivo tute ŝanĝiĝos (pliboniĝos). Tio ĉiam samas, ĉu temas pri Kriŝno aŭ Kristo, laborista demokratio, federalismo aŭ neŭtrale homa lingvo. Jes, la Interna Ideo estas en tiu vico, kaj por la e-istoj, el kiuj multaj apartenas ankaŭ al aliaj sektoj (ankaŭ mi), la afero devas esti klara. Ni scias ke nia lingvo estas bona kaj problemsolvanta, kaj nur miras kial la ceteraj ne volas kompreni tiom simplan veron. Sed la samo rilatas al kriŝnaanoj kaj atestantoj de Jehovo, kies veroj restas tute fremdaj por la plimulto da esperantistoj . . .

> *Jen la diabla cirklo: ĉu ni kaŝas, ĉu konstante propagandas nian ideon, la impreso pri nia sekteco ne malaperas . . .*

"Stranga konduto" karakterizas ĉiujn sektanojn, ankaŭ la e-istojn. Kaj la esenco estas tute ne la kvanto de verdaj steloj k.s., sed la uzo de la lingvo mem. Ni povas kamufli nin je bonordaj civitanoj, tute ne porti insignojn, sed kravaton en unu medio kaj ĝinzon en alia, sed la unua vorto prononcita en aŭ pri nia lingvo tuj senmaskigas nian ĉefan strangaĵon: la "bonorda sinjor(in)o" tuj aŭtomate estas klasigata de la ĉirkaŭantoj al la sama speco kiel aliaj savantoj de la homaro. La uzo de eksteraj signoj almenaŭ diskonigas la malfermitan karakteron de nia sekto: en mala okazo oni komencas supozi ian sakralan karakteron de la sekto, kio ne aldonas por ĝi pli da bonfamo, kaj naskas instinktan senton de danĝero ĉe eksteruloj. Do, jen la diabla cirklo: ĉu ni kaŝas, ĉu konstante propagandas nian ideon, la impreso pri nia sekteco ne malaperas, nur ricevas aliajn aspektojn!

Ni ne povas elrampi el nia sekteca haŭto kiel serpentoj, kaj eĉ se ni povus, post haŭtoŝanĝo ni montrus nur pli novan, pli belan kaj freŝan, sed same sektecan eksteraĵon.

Interne de ĉiu sekto ekzistas specialaj varmaj rilatoj inter la inicitoj. La homo kiu nur eklernis Esperanton, jam pro tio elvokas bonajn sentojn. La samo rilatas aliajn sektojn, ni nur ofte ne konscias ke tio venas ne el specialaj amikigaj kvalitoj de la lingvo, sed ĝuste de la sekteca karaktero de nia komunumo.

Sed preskaŭ *ĉiu* sekto, havanta sian veron, volas savi per ĝi la mondon, ampleksi la tutan homaron. Se tio sukcesas, aperas mondeklezioj, potencaj ideologioj . . . Sen tiaj streboj, kvankam interne-sekta ekzisto estas en si mem agrabla kaj donas avantaĝojn al la sektanoj, oni ne favoras tiujn kiuj malkaŝe alvokas ĝui la nunan staton aŭ senreklame prepari la grundon por la estonteco (por poste "diri ion"). Tial *la ĝenerala, oficiala* opinio neniam akceptos raŭmismon kiel plenrajtan starpunkton, indigniĝos pri vortoj kiel tiuj de Hans Bakker: "Ni ne bezonas feliĉigi la mondon, se tiu ne volas. Ni feliĉigu nin mem, kiuj ja volas." (*Esperanto*, majo 1993, p. 81) Estas ja antinomio ke eĉ se raŭmismo kaj similaj opinioj fakte pravas, kaj la reala senco de la ekzisto de la sekto estas ĝi mem kun la avantaĝoj kiujn ĝi donas al la sektanoj, la idea bazo de tiu ekzisto pravigas la sekton nur se ĝi volas "feliĉigi la homaron", ĉar tio donas la impulsojn por la pluekzisto.

Mi komprenas ke, publike serioze nomante nin "sekto", mi tuŝis la gravan tabuon (ekzistantan cetere en ĉiu ajn sekto), kaj ofendis kelkies bonajn sentojn. Sed oni sin konsolu per tio ke ĉiu sekto (rememoru la PIV-an ekzemplon!) havas la eblon iĝi monda eklezio, se ĝia vero estos en iu bela momento bezonata por la homaro. Eble ankaŭ la nia, kvankam nek mi, nek pluraj aliaj "samideanoj" tion bezonas.

**Nikolao Gudskov**
**(Rusio/Hungario)**

*La diligenta kolegaro:*

# Ankoraŭfoje pri la Esperanta gazetaro

*En novembro 1993 (p. 194) Stefan Maul raportis pri la seminario "Ĵurnalismo en oriento kaj okcidento" de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Aleksander Korĵenkov, vicprezidanto de TEĴA, verkis artikolon laŭ sia tiama prelego por la soci-kultura revuo* La ondo de Esperanto. *Jen resumo.*

La stagnado de la Esperanta gazetaro kaj ĝia akra krizo en Orienta Eŭropo neprigas diskuton pri eliro el la sakstrato en kiu troviĝas la E-gazetaro.

**Katastrofa falo en la Oriento**

En la poststalinisma epoko la orient-eŭropa e-istaro ĝuis trankvilan vivon. La aŭtoritatoj modere subtenis ilin, kondiĉe ke ili estis lojalaj al la reĝimo kaj apartenis al la trunka landa asocio, establita kaj kontrolata de la ŝtato. En tiu forcejo bele floris E-gazetoj, kun relative vasta legantaro en la "soclandaro", kie loĝis pli ol duono de la aligitaj membroj de UEA. Tiuj gazetoj havis preskaŭ nulan konkurencon (gazetoj okcidentaj preskaŭ ne povis penetri) kaj ricevis ian ŝtatan helpon.

En tiuj oranĝeriaj kondiĉoj oni povis fieri pri la eldonkvantoj: *Bulgara Esperantisto* (6500 ekz.), *Budapeŝta Informilo* (5500), *der esperantist* (5000), *Juna Amiko* (4500), *Horizonto de Soveta Litovio* kaj *Slovaka Esperantisto* (po 3000). La orient-eŭropaj legantoj meze de la 1980-aj jaroj konsumis ĉ. 50-80 mil abonojn jare.

Sed la Berlina muro falis. Falantaj brikoj frakasis la gazet-forcejon. Komenciĝis dolora periodo de adaptiĝo aŭ agoniado. Eble duono de la revuoj ne plu aperas. La ceteraj mizeriĝis aspekte kaj amplekse.

**La merkato ne toleras la vakuon**

Ne plu dekmiloj, tamen miloj da orient-eŭropaj e-istoj daŭre prezentas merkaton kiu "ne toleras la vakuon". Troviĝis pluraj riskemuloj kiuj enmondigis provnumerojn, sed nur kelkaj atingis relativan sukceson. Inter tiuj videblas du tendencoj.

Unuj, kiel *Ruslanda Esperantisto* kaj *Kroata Esperantisto*, vivtenas sin ĉefe per enlandaj abonantoj. Tiun firman fundamenton ne influas baroj transpagaj kaj eksterland-poŝtaj.

Aliaj, kiel *Eventoj*, *La Epoko*, *La Ondo de Esperanto* kaj *Survoje*, celas prioritate la okcidentan merkaton, kies pli grasaj kotizoj permesas parte subvencii la distribuadon enlande.

Sed la internacia merkato estas saturita, kaj la Esperanta gazetaro stagnas de jaroj.

Kiom da E-periodaĵoj ekzistas nun? La adresaro de *Eventoj* (1993) enhavas 188 erojn. Kredeble, pli ol 300 periodaĵoj celas la ĉ. 100 mil potencialajn legantojn, duone en landoj kun "molaj" valutoj.



*Aleksander Korĵenkov*

Kion signifas 300? Plejparte temas pri lokaj informiloj, mizeraspektaj, parte nacilingvaj kaj apenaŭ periodaj, kies abonpagon inkluzivas la membro-kotizo de E-grupo. Miloj da abonantoj kredas ke tio ja sufiĉas.

Tial por la kvindeko da periodaĵoj perataj internacie ekzistas tre limigita legantaro, apenaŭ pli ol 30 mil personoj. Penetri en tiun merkaton eblas nur malfacile: jen okupinte merkatan niĉon, jen investinte grandan sumon por reklamo, jen per malalta prezo. Eĉ el tiuj kvindek eble nur dek gazetoj, internaciaj (*Esperanto*, *Heroldo de Esperanto*, *Kontakto*, *Literatura Foiro*, *Monato*, *Sennaciulo*) kaj naciaj (*El Popola Ĉinio*, *Esperanto aktuell*, *La Brita Esperantisto*, *La Revuo Orienta*), estas redaktataj kaj produktataj profesie aŭ profesi-nivele (mi elektis dek, sed eblas iomete longigi la liston).

**Amatoreco — nia ĉefa plago**

Krom la menciita nekonsidero de la merkata mekanismo, ege negative efikas amatoreco, precipe ĉe la nuna tekniko, kiam preskaŭ ĉiu entuziasmulo povas aliĝi al la plurcentkapa gildo de la E-redaktoroj.

Ceteraj negativaĵoj estas, i.a.:

*Manko de kohera redakto-politiko,* el kio fontas nesufiĉa identeco de la gazeto.

*Bagatela, ofte ripeta enhavo.* Estas normale ke multaj periodaĵoj informas pri la UK, sed krom priskribo de la "giganta paeljo" ili ankaŭ komentu laŭ sia propra profilo.

*Nesufiĉa lingva nivelo* kaj abundaj preseraroj.

*Ĉiam progresanta malfruo de la pres-tekniko.*

*Manko de spertaj redaktoroj* kaj kunlaborantoj, plejparte pro nekontentiga kompenso (kiu ne nepre estu materiala) de ilia laboro.

*Nestabila eldon-ritmo.*

*Nekapablo venki la transpagajn barojn.*

**Sed kien iri? Kie troviĝas idealo?**

Kompreneble neniu artikolo, decido aŭ seminario povas radikale ŝanĝi la situacion. Ja la baza informfluo en Esperantujo efektiviĝas per la gazetaro. La interna vivo de la e-istaj organizoj neprigas regulan informadon, kaj tro multaj el ili deziras havi por tio propran revuon.

Tamen jenas kelkaj konsideroj, eble utilaj al komencantaj redaktoroj kaj asociaj funkciuloj:

1. Necesas klare distingi inter informilo (eble neregula) por iu celgrupo, kaj vera gazeto. Proksimuma merkata esploro povas preventi fiaskon aŭ eĉ tuj rezignigi pri la plano.

2. Ĉiu gazeto strebu havi klare difinitan kultur- kaj redakto-politikon, proprajn terenon kaj profilon, kiujn poste oni daŭrigu kaj subtenu.

3. Egala atento pri la enhavo kaj aspekto estas baza kondiĉo por gazeto legota internacie.

4. Sen kompetenta fakulo oni ne povas fari bonan gazeton. Manke de profesia redaktoro oni ne timu konsulti fakulon; poste oni povos ricevi la investon el novaj abonoj al pli konkurenca gazeto.

Aleksander Korĵenkov (Rusio)

# Laste aperis



**Amikeca Reto 94-95. Socivojaĝa Servo de S.A.T.** Ambuazo, 1994. 158p. 21cm. 414 adresoj en 49 landoj, kie e-istoj povas trovi nekutiman gastigadon laŭ la fako, interesoj, vizit-ebloj ktp. 21,00 gld.

**Arboj.** Lilli Giloteaux. Croix: la aŭtoro, 1994. 16p. 21cm. 63 arbonomoj en 6 lingvoj, kun ilustraĵoj pri ĉiu planto kaj ties frukto. 4,50 gld.

**Botelo kaj aliaj noveloj, La.** János Sárközi (1932). Debreceno: Debrecena Bulteno, 1993. 39p. 21cm. Ses noveloj de aŭtoro reprezentita en *Trezoro – La Esperanta novelarto.* 7,20 gld.

**Caro kaj ĉarpentisto.** Albert Lortzing (1801-1851). El la germana trad. Wolfgang Loose. Ehrenburg: Kalte Zeit, 1994. 66p. ISBN 3-927123-01-3. 15cm. Libreto de komika opero. 6,90 gld.

**Damnejoj. Osiedla zagłady. Poemoj – wiersze.** Julius Balbin (1917). Pisa: Edistudio, 1992. 155p. ISBN 88-7036-056-3. 21cm. Bind. Dulingva: E-pola. Poemaro pri travivaĵoj en naziaj koncentrejoj. 24,00 gld.










**Défi des langues, Le. Du gâchis au bon sens.** Claude Piron (1931). Paris: L'Harmattan, 1994. 335p. ISBN 2-7384-2423-5. 21cm. Faktoriĉa diagnozo pri la patologiaj aspektoj de la internacia lingva komunikado, priskribo de E-o kiel reale funkcianta lingvo kaj argumentoplena pledo por ĝia pli vasta uzado. 78,60 gld.

**El tiom da jarcentoj. Malgranda antologio de latina poezio.** Div. aŭtoroj. El la latina trad. G. Berveling (1944). Breda: VoKo, 1994. 48p. 21cm. 50 latinlingvaj poemoj ekde la 3-a jarcento a.K. ĝis 1961. 6,60 gld.

**Esperantaj literoj & komputoroj.** Komp. Jürgen Wulff. Hamburg: KompRo, 1994 (5-a eld.). 48p. 21cm. Kun disketo 3,5-cola por PC-komputiloj. Kolekto de artikoloj el informiloj de *Komputila Rondo.* 21,30 gld.

**Esperanto als Ratespass.** Ulrich Matthias (1966). Heidelberg: E-Jugend, 1994. 37p. 21cm. Prezento de E-o per divenludoj pri sufiksoj kaj kunmetoj. 3,90 gld.

**Facile legebla akupunkturologio. Nova klarigo de teorio kaj praktiko pri ĉina akupunkturo kaj mokso.** Zhu Bin (1966). Voronež: MITKM, 1992. 350p. ISBN 5-8836-00803. 21cm. Ilus. 15,00 gld.

**Fervoja terminaro Esperanto-germana. Suplemento al Lexique Général des Termes Ferroviaires (UIC).** Bremen: Terminara komisiono IFEF/Fervojista Sekcio GEFA, 1993. 188p. 21cm. La pli ol 8 000 terminoj de la internacia terminaro de UIC, en ambaŭ direktoj. 23,70 gld.

**Fragmentoj.** Leen Deij (1919). Croix: Giloteaux, 1994. 56p. 21cm. Ilus. La unua (!) volumo de Antologia aŭtoro, verkinto de *Al la juda foririnto.* 10,50 gld.

**Fremdulo, La** (1942). Albert Camus (1913-1960). El la franca trad. Michel Duc Goninaz. Parizo: SAT, 1993. 142p. ISBN 2-9502432-2-3. 21cm. Eble la plej fama romano de Nobel-premiito. Laŭ la aŭtoro: "historio de homo, kiu sen ia ajn heroeca sinteno, akceptas morti por la vero". 18,00 gld.

**Gerda malaperis! Instruilaro.** Horst Gruner k.a. Bonn: Germana E-Junularo, 1994 (represo). 80p. 30cm. Demandoj, ekzercoj, klarigoj, ludoj k.s. 19,80 gld.

**Glaŭka lum'. Geja antologio.** Div. aŭtoroj. Red. Benoît Philippe. Vieno/Zaragoza: Pro Esperanto/Fundación Esperanto, 1994. 88p. ISBN 3-85182-016-9. 22cm. Gejaj poemoj originalaj kaj tradukaj. 18,00 gld.

**Granda vortaro Esperanto-korea.** Komp. MA Young-tae (1946). Seulo: Duk Su, 1994. 11+1073+4p. ISBN 89-85741-01-2. 20cm. Kompilita surbaze de PIV. 96,00 gld.

**Guide Iltis. Bio-vinoj en Francujo.** Komp. Irmi kaj Reinhard Haupenthal. Saarbrücken: Iltis, 1994. 141p. ISBN 3-9276113-33-9. 21cm. Adresaro de biovinkultivistoj kaj de restoracioj havantaj biovinojn. 25,80 gld.

**Ĵamborea lingvo.** J.K. Hammer (1928). Zaandam: la aŭtoro, 1994 (3-a eld). 64p. ISBN 90-71205-51-7. 21cm. Klasika lernolibro por skoltoj. 6,60 gld.

**Kalejdoskope.** Lilli Giloteaux. Croix: la aŭtoro, 1994. 51p. 21cm. Ilus. Kvardeko da poemoj. ". . . vivfragmentoj . . . Laŭ stil' kaj temo tre variaj / en simpla, verda versprezento". 7,50 gld.

**Kiel instrui Esperanton al infanoj hodiaŭ.** Ton Verwoerd (1930). Heemskerk: la aŭtoro, 1993. 16p. 21cm. Ringe bind. Konsiloj pri uzindaj lernolibroj, ludiloj kaj metodoj. 4,80 gld.

**Kolektanto de ĉielarkoj. Rakontoj kaj poemoj.** Tibor Sekelj (1912-1988). Pisa: Edistudio, 1992. 117p. ISBN 88-7036-052-0. 21cm. Bind. Kolekto de diversloke aperintaj prozaĵoj kaj poemoj. 24,00 gld.

**Kukoklaĉo en Lepsiko. Historioj, opinioj, receptoj, ekscitiloj.** Lepsiko: E-Junularo Lepsiko, 1994. 31p. 21cm. Interesaĵoj pri la historio de Lepsiko kaj pri Slovakio; kuko- kaj ludo-receptoj. 6,90 gld.

**Ludovikologia dokumentaro XVI. Spikumaĵoj I.** Tôkyô: Ludovikito, 1994. 515p. 21cm. Eble neniam kompletigotaj necesaj aldonoj al la PVZ. Kolekto 16. Lernolibroj, broŝuroj kaj beletraj tradukoj el 1888-1896. 57,00 gld.

**Manifesto de Ventotene, La.** Ernesto Rossi, Altiero Spinelli. El la itala trad. Umberto Broccatelli. Roma: CIFE, 1993 (represo). 11p. 24cm. Kontraŭmilita teksto el 1941, kiu pledas por unueca Eŭropo. 4,20 gld.

**Mi volas nur esti. Chcę tylko być. Wiersze wybrane – elektitaj poemoj.** Adam Szyper (1939). El la pola trad. Julius Balbin. Pisa: Edistudio, 1992. 215p. ISBN 88-7036-055-5. 21cm. Bind. Dulingva: E-pola. Poemoj de plurlingva juda aŭtoro naskita en Pollando, vivanta en Israelo kaj Usono. 24,00 gld.

**Sferoj 9.** Div. aŭtoroj. Komp. Miguel Gutiérrez Adúriz. Trad: L. Dek, G. Kamaĉo, G. Cappa, W. Usakiewicz, W. Auld, K. Pov. Santander: Grupo Nifo, 1994. 136p. ISBN 84-604-9831-X. 18cm. 13 sciencfikciaj rakontoj el 7 landoj. 18,00 gld.

**Specifaj kulturaj scioj de la esperantista kvazaŭetno kaj ilia respeguliĝo en la koncerna lingvaĵo.** Aleksandro S. Melnikov (1951). Rostov-na-Donu: la aŭtoro, 1992. 106p. 20cm. 12,00 gld.

**Sub la ĉielarko.** Papaver (Kiril P. Popov, 1922). Sofio: la aŭtoro, 1994. 43p. 21cm. Trideko da poemoj. 7,50 gld.

**Verkoj de Miyamoto Masao 3.** Miyamoto Masao (1913-1989). Toyonaka: JELK, 1993. 287p. ISBN 4-930785-38-3. 21cm. Kolektitaj E-lingvaj originaloj kaj tradukoj. 52,50 gld.

**Viro en la luno, La.** Ŝulco Rikardo (1906). Paderborn: E-Centro, 1994. 400p. ISBN 3-922570-77-1. 21cm. Legolibro: diversĝenraj originaloj kaj tradukoj el 22 aŭtoroj, plejparte germanaj. 51,90 gld.

**DIVERSAĴOJ**

**Poŝtkartoj koreaj.** Seula E-Kulturcentro, 1994. Dek kartoj montrantaj E-ajn kaj koreajn filatelaĵojn. 4,80 gld.

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

# Loke



### Brazilo-Germanio: Pintrenkontiĝo

La 1-an de aprilo kvin estraranoj de Brazila E-Ligo akceptis delegacion de Germana E-Asocio (Hedwig kaj d-ro Rudolf Fischer) en la BEL-sidejo, en la ĉefurbo Braziljo. Oni interkonsentis ke BEL kaj GEA (kiuj gajnis la Trofeon Fyne de plej forte kreskinta landa asocio en 1991 resp. 1993) helpos E-turistojn el Germanio resp. Brazilo dum ties rondvojaĝoj.

### Bulgario: Tria altlernejo

La Sofia Internacia Universitato, kie oni studas komercon kaj informadikon, fariĝis la tria altlernejo en Bulgario kie E-o estas regula studobjekto. Lektorino Raja Androvska instruas per la Zagreba metodo, dum 20 studhoroj en semestro. (*Bulgara E-isto*)

### Ĉinio: *La Mondo* kreskas

Laŭ la agadraporto de Ĉina E-Ligo la ĈEL-organo *La Mondo* ja havis financajn malfacilojn, sed (kontraŭe al aserto en marto, p. 43) kreskigis en 1993 sian abonantaron de 300 al 1200. Komence de 1994 ĈEL lanĉis novan kampanjon por varbi membrojn kaj abonantojn.

La Linhai-a Infana Esperanto-Lernejo, fondita en 1989, estas la unua de sia speco en Ĉinio. Ĝiaj lernantoj ŝatus korespondi kaj havi ĝemelajn kontaktojn kun samaĝuloj tutmonde: Zhu En, Xichengxia 10-hao, CN-317000 Linhai, Zhejiang; tel. +86/576/588-631.

### Francio: Turismaj informiloj

Vizitante Bulonjon en Francio, e-istoj certe serĉas la spurojn de la unua UK. Nun en la urba turisma oficejo afiŝeto bonvenigas kaj informas ilin. Antaŭ nelonge ekspozicio pri Jules Verne en Bulonjo enhavis vitroŝrankon "Jules Verne kaj E-o", dank' al dokumentoj pruntitaj de J. Amouroux. (*SAT-Amikaro*).

En *Nico* ĉe ĉiuj inform-oficejoj kaj en kelkaj hoteloj troviĝas E-informiloj pri la urbo. Prenu aŭ petu ĉe Office du Tourisme, 3 av. Gustave V, FR-06000 Nice. Tre praktika listo de la E-informiloj kaj E-servoj riceveblaj en la *Luar-vala regiono* haveblas plurloke, i.a. ĉe Daniel Durand, Les Nids, FR-49190 Saint-Aubin-de-Luigné. Luksa prospekto pri *Alzaco* kaj tiea kunvenejo en Mittelwihr ĉe la "Alzaca vinstrato" haveblas kontraŭ 2 respondkuponoj ĉe: Esperanto 26, route de la Schlucht, FR-68140 Stosswihr.

### Hungario: Nova Esperejo

La entrepreno kiu financas la eldonadon de *Eventoj*, LINGVO-Studio de László Szilvási, aĉetis domon en Budapeŝto. La nova E-domo estos ne nur redaktejo de *Eventoj*, sed ĉefe laborcentro kun modernaj instalaĵoj por "ĉiu kiu volas fari ion por E-o", okazejo por kursoj kaj negrandaj seminarioj. Ĉiu povos legi tie ĉ. 100 gazetojn, sed ĝi ne estos "babila klubejo" aŭ "turisma tranoktejo". Por la necesa interna renovigo de la domo restis al LINGVO-Studio malmulta kapitalo, tial ĝi volonte akceptos tiucele kontribuojn al la UEA-konto "ells-s".

### Irlando: La lingvo *Sprantais*

La Belfasta gael-lingva ĵurnalo *LÁ* publikigis felietone la faman irlandan poemegon *La noktmeza kortumo* de Brian Merriman en originalo kaj en la E-traduko de Albert Goodheir. Tie verŝajne unuafoje aperis en ĵurnalo gaellingva formo de la vorto "Esperanto": *Sprantais*. Nome, laŭ la gaela fonetiko "Esperanto" ne estas asimilebla. (G. MacAoidh)

### Israelo: Pri paco en Mezoriento

"Paco, kunekzisto kaj la vojo al paco en Mezoriento" titoliĝos la internacia junulara semajno (14-21 aŭg.) dum kiu profesiuloj de la "Lernejo de la Paco" gvidos specialan aktivan programon, unuafoje en Esperanto, en Neve Shalom, vilaĝo mezvoje inter Tel-Avivo kaj Jerusalemo, kie vivas mikse judaj kaj arabaj familioj. Pliaj detaloj kaj aliĝo: Junulara E-Ligo Israela, P.O.K. 53160, IL-61531 Tel-Aviv.

### Italio: Narkotaĵoj kaj laborbrigado

Montara restadejo en granda natura parko gastigis preskaŭ 160 homojn en Pracatinat por la 18-a Internacia Junulara Festivalo itala (30 marto – 5 apr.), kies temo estis "Narkotaĵoj en la 90-aj jaroj". Prelegis Tazio Carlevaro (pri narkotaĵa politiko en Svislando), Francesco Pignatelli (pri hipnoto), Shapur Kaviani (narkotaĵoj kaj homa korpo), Giulio Cappa (televido) kaj Dario Besseghini. (*KEC-Bulteno*)

Nun Itala E-Junularo organizas, kun E-Centro Torino, unusemajnan laborbrigadon por gejunuloj meze de julio, por purigi la ĝardenon de historia vilao. Informas Anand Rogero, Via Volante 16, IT-10133 Torino; tel. +39 / 11 / 661-29-06. (*Heroldo*)



*Duono de la 40 partoprenantoj en aranĝo la 17-an de aprilo en Piotrków Trybunalski, kiujn Wojciech Soczówka kaj Jan Książek diskutigis pri la situacio de E-o en Pollando.*

### Pollando: Didaktika semajno

La pola sekcio de ILEI kaj la Esperanta kant-danca infan-ensemblo Silezio organizas didaktikan semajnon en Limanowa inter la 25-a de junio kaj la 2-a de julio. Kontaktu Hanka Kwaśniewicz, ul. Wieniawskiego 10/48, PL-43-110 Tychy.

### Japanio: Korea kurso

Sesparta kurso pri kritika rerigardo al la koreaj-japanaj rilatoj, studo de la korea lingvo ktp. okazas de februaro ĝis julio sub la gvido de la Kansaja Ligo. Prizorgas ĝin NISIO Tutomu. (*La Revuo Orienta*)

### Katalunio: Pri fremdul-malamo

La seminario "Rasismo kaj ksenofobio en la nuna Eŭropo" (8-11 sept., Paterna apud Valencio) traktos la titolan problemon per fakulaj prelegoj kaj rondtablaj diskutoj. Oni proponu prelegojn skribe, ĝis la 1-a de julio, kun resuma aŭtobiografio, al: A. Casquero de la Cruz, Avenida Burjasot 29, A-31, ES-46009 València, Hispanio; tel./faks. +34/6/340-13-69.

### Nepalo: Ekster la ĉefurbo

Dum la pasinta Zamenhof-tago, nova E-klubo estis fondita de gejunuloj en Patan, urbo najbara al la ĉefurbo Katmanduo, kie Razen Manandhar ekinstruis dekon da komencantoj en januaro. La Klubo E-ista de Patan (P.O.Box 368, Patan, Lalitpur) verŝajne funkcios kiel la junulara E-organizaĵo de Nepalo. (*E-o en Azio*)

### Rusio: REU kaj REA, reale

Dum la membraro de nia landa asocio, Rusia E-ista Unio, malkreskis al ĉ. 80 (vd. jan., p. 11), la membroj de Ruslanda E-Asocio (kun centro en Jekaterinburg) impone multiĝis: 137 (1991), 153 (1992) . . . kaj 255 pasintjare! Kontraste, la same Jekaterinburga monata revuo *Ruslanda E-isto* (jare 15 gld. ĉe la Libroservo de UEA), kiu presiĝas en 1000 ekzempleroj, trovis nur 76 abonantojn en 1991, 198 en 1992, kaj 110 en 1993. (La abonoj plej draste falis en aliaj ŝtatoj de eks-Sovetio: de 50 al 4.) Klarigon ni trovas en *Ruslanda E-isto* mem, el kiu ni ĉerpis ĉiujn ciferojn: la januaraj numeroj de 1992, 1993 kaj 1994 indikas respektivajn abonprezojn de 24, 55 kaj 1850 (!) rubloj.

La 6-a festivalo "Esperanto — Lingvo Arta" (4-8 marto) kunigis en Ivanovo 129 personojn, kiuj ĝuis aŭ mem prezentis E-kantojn, -teatraĵojn, deklamojn ks. Inter la novaj talentoj elstaris la kantistoj Maŝa Koĉetkova kaj Maksim Kejda. (*Movado*)

### Uzbekio: Ridetu por Samarkando

Samarkandaj e-istoj preparas du letervesperojn: aŭguste por la 600-jara jubileo de la astronomo kaj ŝtatisto Ulugbek, solenata ankaŭ de Unesko; kaj en septembro dediĉe al la 3-jariĝo de sendependa Uzbekio. Salutleteroj kaj ĉiuj kontribuoj iel rilataj al tiuj du temoj bonvenas ĉe la E-klubo (pk. 76, UZ-703000 Samarkand) kaj estos rekompencataj per uzbekaj memoraĵoj. Samadrese Internacia Muzeo de Paco kaj Solidareco atendas *viajn ridetojn* en ajna formo (foto, desegno, presaĵo ktp.), ĝis la fino de la jaro, por la ekspozicio "La mondo ridetas". (A. Ionesov)

# *Fake*




### Artistoj: Adreslistoj

Eckhard Bick (Rugbjergvej 98, DK-8260 Viby-J, Danlando) kompilis kaj sendas kontraŭ 5 respondkuponoj *Kultura nomaro*, kun kontaktadresoj de e-istaj artistoj, listoj de ĉefaj kulturaj aranĝoj, institucioj, ejoj, fondaĵoj kaj premioj. (*Eventoj*)

### Fervojistoj: Ĉu paniko trans la Maniko?

Laŭ la nederlanda *Fervojisto*, la brita fervojista E-asocio fartas tiel malbone ke en ĝia organo *JEN* redaktoro David Wild eĉ proponas aliĝon al la franca sekcio de IFEF. Malfidante la ŝanĝojn ĉe la britaj fervojoj, Wild skribas: "Mi supozas, ke la revo de s-ino Thatcher kaj ŝiaj subtenantoj estas, ke Britio havos nur unu stacidomon, tiun de [la franca] SNCF apud Folkestone [borde de la Maniko]."

En nemovada konkurso titolita "Forumo por la medioprotektado" oni aljuĝis 50 mil forintojn (ĉ. mil gld.) al la revuo *Hungara Fervojista Mondo*.

La 9-an de aprilo Kroata Fervojista E-Societo solenis sian 40-an datrevenon per kulturprogramo kaj per ekspozicio de ĉiuj filatelaĵoj aperintaj okaze de la ĝisnunaj IFEF-kongresoj.

Kiel ni raportis (1993, p. 170), la Internacia Fervoja Unuiĝo (UIC) aperigos aŭtune 11-lingvan (i.a. Esperantan) *Ĝenerala leksikono de fervojaj terminoj*, kun 15 000 serĉvortoj, sur kompaktdisko. Informoj kaj mendo ĉe DB, Zentralbereich Internationale Beziehungen, Projekt RailLex, Armin Schmidt, Stephensonstr. 1, DE-60326 Frankfurt/Main, Germanio; faks. +49/69/97-33-75-74.

### Instruado: Propedeŭtiko en Peterburgo

Iniciate de Akademio Internacia de la Sciencoj kaj de la loka E-asocio, inter la 4-a kaj 6-a de februaro seminariis en Sankt-Peterburgo 35 instruistoj el deko da urboj pri propedeŭtika eksperimento. Sekva kunveno estas planata kadre de samurba "Lingvotendaro" (23-28 jun.). Laŭ kunordigantino Irina Gonĉarova, la eksperimento ampleksas klasojn de 18 diversurbaj instruistoj en tri postsovetiaj landoj. (*Movado*)

### Katolikismo: Doni domon al IKUE

Internacia Katolika Unuiĝo E-ista intencas aĉeti propran sidejon en Romo. Estroj de IKUE jam trovis grandan, taŭgan apartamenton proksiman al la Placo Sankta Petro je la favora prezo de 380 milionoj da liroj (ĉ. 446 mil gld.). Post granda donaco de la IKUE-prezidanto, Duilio Magnani, disponeblas jam 320 milionoj

## Ĝustigo

En decembro 1993 (p. 217) ni raportis ke Raymond Boré, delegito pri Zamenhof/Esperanto-objektoj (ZEO-j), trovis neregistritan Lernejon Zamenhof en la nederlanda Groningen. Fakte, la lernejo situas en la proksima Leeuwarden, kiu cetere nombras tri aliajn ZEO-jn: duhektaran Zamenhof-parkon kun E-monumento kaj Zamenhof-monumenton.

(pli ol 375 mil gld.) por la aĉeto. La prezidanto kaj la sekretario (Antonio de Salvo, Via Aldebaran 13, IT-00010 Guidonia RM; tel. +39/774/363-603) alvokas kompletigi la sumon per donacoj al la UEA-konto "ikue-v"; ĉe grandaj donacoj kontaktu la sekretarion.

## Kongresoj: La arto organizi

La arto prepari grandajn kaj malgrandajn eventojn estos instruata ĉe Kvinpetalo (route de Civaux, FR-86410 Bouresse, Francio; tel. +33/49-42-80-74), inter la 21-a kaj la 25-a de junio, de Gian Carlo Fighiera, iama konstanta kongresa sekretario de UEA, aŭtoro de kvar libroj pri la temo kaj fakulo pri ĝi de 38 jaroj. La seminario speciale atentos la demandojn de E-kunvenoj kaj koncernos ne nur kongres-organizontojn, sed ĉiujn kiuj intencas labori en kia ajn turisma fako aŭ en kongresejoj de kiu ajn lando.

## Numismatiko: Nederlanda artikolo

En la marta *Munt-Koerier*, Beneluksa numismatika revuo, seppaĝa artikolo de L.M.J. Boegheim pri Esperantaj moneroj, kompilita kun helpo de W.P. Roelofs, detale rakontas i.a. la historion de la Esperanta mono "stelo", kies restantan stokon UEA antaŭ nelonge akiris de Universala Ligo, por vendo en sia Libroservo.



## Religio: Serĉe al komuneco

30 homoj el 8 landoj reprezentis katolikismon, protestantismon, kvakerismon, bahaismon, judismon kaj taoismon en la 1-a Interreligia Seminario E-ista de la religi-kompara asocio ASISTI en Tábor (Ĉeĥio, 31 marto - 4 apr.). Celante evoluigi komunan formon de religi-praktikado akcepteblan por ĉiuj (ekz. por UK-oj), ili juĝis plej taŭga silentadon kun legado de diversreligiaj tekstoj. La unua tia "Publika Interreligia Devotado" povus okazi en Tampereo (1995). Por la renkonto Pavla Dvořáková redaktis riĉenhavan 40-paĝan tekstaron *Neniu estonto sen interreligia paco.* De katolika flanko salutis la seminarion la e-ista ĉefepiskopo de Prago, Miroslav Vlk, kaj la episkopo de Hradec Králové, Karel Otčenášek. La sekva ISE estas organizota en Hungario, je pasko 1995.

## Turismo: Esperanta kontraktomodelo

En la plej aŭtoritata turisma konsultlibro de Rusio, *Turistskije firmy. Adresnik-spravočnik*, E-o estas unu el la kvin lingvoj en kiuj oni donas modelon de turisma kunlabor-kontrakto. (*Eventoj*)

Por logi eksterlandanojn al la 64-a Itala E-Kongreso (Vicenza, 26-30 aŭg.), la organiza komitato dissendis al la UEA-delegitoj E-lingvan broŝuron de la urba turisma instanco pri Vicenza. (M. Lipari)

Broŝuron pri la germana urbo Telgte petu ĉe: Verkehrsamt der Stadt Telgte, Am Markt 1, DE-4404.

## Vegetarismo: Du universalecoj

UEA-estrarano Michela Lipari lastatempe prelegis ĉe la Nacia Vegetarana Biblioteko en Romo pri "Universaleco de vegetarismo kaj Esperanto" kaj samloke ekgvidis kurson. Pri la prelego kaj kurso anoncoj aperis en Romaj kaj ekologiaj gazetoj, kun mencio de la Seula UK kaj de la Monda Vegetarana Kongreso (8-13 aŭg., Hago). Kadre de ĉi tiu okazos jarkunveno de Tutmonda E-ista Vegetarana Asocio. (L. Fabretto)

## Verduloj: AVE kaj *Verdire*

La 38-membra Asocio de Verduloj E-istaj festis sian 10-jariĝon la 27-an de marto. La sekretario de AVE, Manfred Westermayer (Kandelstr. 62, DE-79194 Gundelfingen, Germanio) raportas en la bulteno *Aveno* ke li konstatis aprezon de E-o ĉe Eŭropa Federacio de Verdaj Partioj dum ties januara kunveno en Vieno.

La polaj verduloj eldonis siajn program-dokumentojn "Niaj principoj" kaj "Antistatuto" en E-o, kaj ilia monata revuo *Zielone Brygady* regule ĉerpas el "duoble verdaj" fontoj, ĉar unu el ĝiaj du redaktoroj, Andrzej Żwawa (Bugajska 34, PL-32-640 Zator), estas e-isto. Inter la E-lingvaj ekologiaj eldonaĵoj daŭre elstaras la enhavriĉa, kvaronjara *Verdire* de Claude Rouget (Postboks 2280, NO-9002 Tromsø, Norvegio; abono 25 gld. al la UEA-konto "vrdr-d"), kiu ekde nun funkcios ankaŭ kiel forumo por Biciklista Esperantista Movado Internacia (faka sekcio de TEJO) kaj por la ĉefe brita Vegetarana E-Grupo.




## Informado: Francaj reklamŝildoj

Laŭ iniciato de Orientfrancia E-Federacio kaj de Tutmonda Asocio de Konstruistoj E-istaj, estis lanĉita printempe grandskala informkampanjo per centoj da ruĝkoloraj ŝildoj, iom post iom fiksataj al muroj, pordoj kaj bariloj de e-istoj aŭ E-subtenantoj. "3615 ESPERANTO" estas kodo kiu ebligas konsultadon de mesaĝoj pri E-o ĉe telematika servo, kiun iniciatis Unuiĝo Franca por E-o kaj provizas per informoj ties junulara sekcio JEFO.

# Persone



## Chavignon: Kunsavu indianan kulturon!

Philippe Chavignon vizitis, proksime al Seattle (Usono), muzeon pri la tribo Suquamish, por kies Eduka Fondaĵo li donacis 300 dolarojn. Temas pri sumo kiun devus kovri la vendoj de du arte ilustritaj libroj kiujn li tradukis, *La viro kiu plantis arbojn* de Jean Giono kaj *Fratoj eble ni estas — Paroloj de la ĉefo Seattle* (15 resp. 12 gld ĉe UEA), verkoj kiuj celas ekologian ekkonscion de la homaro.

## Magnani: Peto al la papo

La paska mesaĝo E-lingva de Johano Paŭlo la 2-a (majo, p. 87) estis iniciatita de Internacia Katolika Unuiĝo E-ista, kies prezidanto, pastro Duilio Magnani, sendis al la papo oficialan peton pri tio la 12-an de marto. La foto (I. Wágner) montras Magnani transdonanta donacon en la katedralo de Oradea (Rumanio), kien li alvenis la 6-an de majo gvidante pilgrimantojn al Ukrainio. Ĉi-okaze Magnani renkontiĝis kun anoj de la loka IKUE-organizo. (I. Budaházy)



# Oficiala informilo

**PATRONOJ DE TEJO 1994**
Francio: Claude Jacqueline Clerc; Christine Zehren; Denise Marie Henriette Loisel; Gustave Blary; Jean-François Clet. Hispanio: Josep Castelltort i Riba; R. Urueña de Hernández. Nederlando: Rob Keetlaer. Norvegio: Margrete Landmark.

**SOCIETO ZAMENHOF 1994**
Germanio: Heinz Schindler. Hispanio: Josep Castelltort i Riba; R. Urueña de Hernández. Italio: F. Borromei Mascarucci. Nederlando: Ru H. Bossong. Svedio: Olle Olsson. Usono: E.H. Thompson Jr.

**DONACOJ 1994 (gld.)**
**ĝis la 30-a de aprilo**

**Fondaĵo Canuto:** Aŭstrio: J. Valim 25,51. Finnlando: U. Seppälä 51,75. Francio: P. Chappe 22,96; J. Ducrocq 163,78; L. Marin 65,51; M. Martin 32,80; E. Pilou-Rivière 42,64; J. Seguin 98,40; A. Tailpied 32,76; B. Vial 45,92. Germanio: J. Prager 224,48. Japanio (por aziaj e-istoj): S. Ikawa 37,11; H. Tai 74,22; H. Takahasi 37,11. Nederlando: E.M. Maasbommel 200,00; F. Zeiler 95,00. Nov-Zelando: R. Harding 979,20. Sumo ĉi-jara 7282,01.
**Fondaĵo Ĉinio:** Nederlando: R. Moerbeek 100,00. Sumo ĉi-jara 400,00.
**Ĝenerala Kaso:** Germanio: G. Goemmel 38,16; I. Pahnhenrich 29,18. Nederlando: E.M. Maasbommel 200,00; R. Moerbeek 100,00. Diversaj malgrandaj 25,83. Sumo ĉi-jara 3326,68.
**Konto Espero:** Finnlando: S. Mynttinen 345,00. Francio: G. Boj 32,80; A.M. Brissot 32,80; J. Ducrocq 331,92; Ch. Haren 68,88; G. Lagrange 42,64; M. Martin 13,12; R. Picou 42,64; D. Rufo 65,60. Japanio: M. Itabasi 121,00. Svedio: C. Kiselman 250,00. Diversaj malgrandaj 9,84. Sumo ĉi-jara 2591,49.
**Volontula fondaĵo:** Nederlando: E.M. Maasbommel 200,00. Sumo ĉi-jara 200,00.
**Al ĉiuj tre koran dankon!** UEA

# Nekrologoj

**CHU Tu-nan** (1899-1994) forpasis en Pekino la 11-an de aprilo. Li konatiĝis kun E-o jam en 1919 kaj daŭre apogis la movadon en Ĉinio. Elstara ĉina politikisto, li dum multaj jaroj rolis kiel vicprezidanto de la Konstanta Komitato de la Ĉina Popola Kongreso (parlamento). Li estis unu el la ĉefaj apogantoj de la invito okazigi la 71-an UK en Pekino en 1986, vicprezidis ties Honoran Komitaton kaj salutparolis en la inaŭguro. Li iniciatis kaj dum pluraj jaroj prezidis la gravan ĉinan societon "Amikoj de Esperanto". Chu Tu-nan aparte pledis por utiligo de E-o ĉe internaciaj instancoj kiel UN kaj la Eŭropa Komunumo.

**Pál KRISTEK** (1920-1993), fervojista aktivulo en Budapeŝto, komitatano de Hungara E-Asocio (1963-81) kaj redaktoro de *Hungara Fervojista Mondo* (1969-80), mortis dum trajnvojaĝo la 26-an de decembro 1993 en Poprad (Slovakio).

**Jacques MANCEAU** (1912-1994), dumviva membro, delegito en Saintes (Francio), forpasis la 14-an de aprilo. Li eldonis sian *Manlibro pri transporto de fluidaĵoj* (1973) kaj la tradukan kolekton *Mielaj kaj pikaj kanzonoj* (1990), kontribuis al *Laŭte!*, *La Kancerkliniko* kaj aliaj E-revuoj.

**Miĥail F. PAŜĈENKO** (1901-1994), e-isto ekde la 20-aj jaroj, iama membro de la Centra Komitato de Sovetlanda E-ista Unuiĝo kaj estrarano de Asocio de Sovetiaj E-istoj, forpasis la 18-an de januaro.

**Alfonz PECHAN** (1902-1994) mortis la 24-an de aprilo en Budapeŝto. Mezlerneja instruisto, li verkis lernolibrojn pri matematiko, fiziko kaj meteologio. E-isto ekde 1920, li instruis la lingvon dum pli ol 60 jaroj, prezidis la Hungaran E-an Pedagogian Asocion (1935-45) kaj la Landan Ekzamenan Komitaton (de 1939), ekzamenis pli ol 5 mil homojn. Li estis LKK-ano de la 51-a UK (Budapeŝto, 1966), landa inspek-


*Alfonz Pechan*

toro pri E-instruado kaj kunlaboranto de la ĉiutagaj E-elsendoj de Hungara Radio. Ses eldonoj de liaj daŭre uzataj hungara-Esperanta kaj E-hungara vortaroj (1958, 1961 ... laste 1988) vendiĝis en preskaŭ 100 mil ekzempleroj. Li redaktis E-hungaran *Turista vortaro* (1968) kaj duvoluman *Gvidlibro por supera ekzameno* (1964, 1966; dua eld. 1979), kunkompilis geodeziajn kaj fervojistajn vortarojn. Li multe artikolis kaj tradukis por *Hungara Vivo* kaj aliaj hungaraj E-revuoj, el kiuj plurajn li lingve kontroladis.

# Betty Salt (1907-1994)



Betty Salt forpasis la 24-an de marto en Calgary (Kanado). Ŝi estis unu el tiuj movadanoj kiuj relative malfrue "malkovras" Esperanton kaj rapidas ĝin subteni maksimume, kvazaŭ por kompensi tiun malfruan konatiĝon kun la lingvo.

Salt naskiĝis la 21-an de februaro 1907 en Loughborough (Anglio), sed ŝiaj gepatroj elmigris kun la tuta familio al Kanado jam en 1911. Kvankam ŝi konatiĝis kun la ideoj de Esperanto pli frue, ŝi eklernis la lingvon nur en 1961, per koresponda kurso de W.D.B. Hackett, multjara kanada ĉefdelegito de UEA. Ŝi samjare partoprenis la usonan landan kongreson. Ŝi spertis la funkciadon de la lingvo tie, revenis al Kalgario kaj tuj mem ekinstruis ĝin. Kreiĝis baldaŭ — sub ŝia gvido — Kalgaria E-Klubo, kiun ŝi daŭre animis dum la lastaj tridek jaroj. Ŝi estis dum pluraj jaroj kasisto de Kanada E-Asocio, kaj poste ties honora membro.

Betty Salt estis inter la plej grandaj mecenatoj de la E-movado — kaj de UEA aparte — en la lastaj jardekoj. Apenaŭ eblas elkalkuli la sumon de ŝiaj malavaraj donacoj. Kiam UEA estis en vera financa krizo, kaj prezidanto Tonkin lanĉis (1975) la Financan Programon por stabiligi la financojn de la Asocio, Salt estis la unua granda kontribuanto per dekmiloj da guldenoj. Poste fariĝis tradicio ke Betty Salt reekzamenis sian financan situacion almenaŭ dufoje jare kaj sendis al UEA kelkmil-guldenajn ĉekojn. Ŝiaj donacoj plej ofte celis la ĝeneralan bonfarton de la Asocio, sed profitis el ili, i.a., ankaŭ la skolta E-movado kaj la provoj ellabori sportan terminaron. Salt financis almenaŭ unu eldonon (1984) de la terminareto *Esperanto: lingvo de la sporto*, kaj ankaŭ nun ĉe UEA kuŝas rezervita ŝia donaco de pli ol 6000 guldenoj por sporta terminologio.

Betty Salt estis dumviva membro, regula ano de Societo Zamenhof kaj Honora Membro (de post 1980) de UEA. Postrestis ŝin manuskripto de senpretendaj sed belstilaj rakontoj. Tiun volumeton UEA eldonos ĉi-jare kiel omaĝon al unu el siaj plej fidelaj apogantoj. Apenaŭ necesas diri ke Betty Salt rezervis monsumon por financi tiun eldonon. ★

Jubilea legolibro:




# TREZORO

Cent aŭtoroj por la centjaro 1887-1987. Du volumoj de originala prozo. Red. Reto Rossetti kaj Henri Vatré. Entute 948 paĝoj. Prezo: 75,90 gld.




# Tendaraj tagoj

tri kajeroj

- specife por junuloj 10- ĝis 14-jaraj
- speciale emfazas parol-kapablon
- alloge ilustrita de Pavel Rak
- kun notoj por instruistoj





**Verkis Stefan MacGill.**
**Eldonis ILEI/UEA/HJEA.**

**Prezo: 12,00 gld. por la unua, 15,00 gld. por la dua kaj 18,00 gld. por la tria kajero. Triona rabato ekde 3 ekz. ĉe UEA.**

# La vivo de d-ro L. L. Zamenhof en bildoj



128-paĝa, grandformata (A4) bildlibro, per kiu Henk Thien (fondinto de la Foto-Servo pri Zamenhof) kondukas vin tra la vivo de la iniciatinto de Esperanto. 114 nigrablankaj fotoj kaj 25 mapoj, ĉio kronologie aranĝita kaj komentita. La libro celas esti utila dokumento, el kiu oni facile povas represi la materialon aŭ utiligi ĝin alimaniere.

Prezo: 30,00 (por Eŭropa Komunumo 31,80) guldenoj, plus sendokostoj. Mendu ĉe la Libroservo de UEA, kiu estas la sola distribuanto kaj donas trionan rabaton por ĉiu samtempa mendo de minimume tri ekzempleroj.

# Stelo-moneroj denove haveblaj!

*Universala Ligo transdonis komisie al UEA la tutan restantan stokon de la stelo-moneroj, tiel ke la unika kolekto de tiuj numismatikaĵoj estas denove aĉetebla.*




★ **Kompleto de stelo-moneroj.** Kvar moneroj de 1, 5, 10 kaj 25 steloj. Vidu apartajn priskribojn ĉi-sekve. **Prezo: 75 gld.**

★ **Monero de 1 stelo.** Bronza. Diametro 20mm., dikeco 1,5mm, pezo 3,4gr. Havebla nur en kompleto (vidu ĉi-supre).

★ **Monero de 5 steloj.** Latuna. Diametro 23,5mm., dikeco 1,7mm., pezo 5gr. **Prezo: 4,80 gld.**

★ **Monero de 10 steloj.** Kupronikela. Diametro 28mm., dikeco 2mm., pezo 9gr. **Prezo: 9,90 gld.**

★ **Monero de 25 steloj.** Arĝenta (90%). Diametro 38mm., dikeco 2,5mm., pezo 19gr. **Prezo: 60 gld.**

***Triona rabato ekde 3 ekz. de la sama monero aŭ de 3 kompletoj. Aldoniĝas 10% por afranko kaj (por klientoj el Eŭropa Unio) 17,5% por imposto. Mendu ĉe UEA!***

# Jen la plej

vaste legata junulara gazeto
rekomendinda por komencantoj
bela kaj moderna
diversa kaj amuza
interesa por ĉiuj

Kontakto estas gazeto por ĉiu, kiu serĉas interesan legaĵon en Esperanto. Ĉiu numero havas ankaŭ tekstojn en tre facila lingvo, tiel ke Kontakto estas aparte taŭga por komencantoj kaj por Esperanto-kursoj. Krome, konkurso atendas vin en ĉiu numero de la revuo! En 1994 Kontakto aperos 6-foje. Abonu rekte de UEA aŭ ĉe via kotizperanto.




**ABONTARIFO 1994**

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio | 30 | dolaroj | Francio | 125 | frankoj | Nederlando | 40 | guldenoj |
| Aŭstrio | 240 | ŝilingoj | Germanio | 37 | markoj | Norvegio | 145 | kronoj |
| Belgio | 755 | frankoj | Hispanio | 2100 | pesetoj | Pollando | 19 | guldenoj |
| Brazilo | 19 | guldenoj | Israelo | 31 | guldenoj | Portugalio | 2300 | eskudoj |
| Britio | 14 | pundoj | Italio | 29000 | liroj | Svedio | 160 | kronoj |
| Danio | 150 | kronoj | Japanio | 2880 | enoj | Svislando | 31 | frankoj |
| Finnlando | 115 | markoj | Kanado | 27 | dolaroj | Usono | 21 | dolaroj |

**Abonu antaŭ la fino de junio kaj vi partoprenos lotumadon de Plena Ilustrita Vortaro!**